**Nia frat-revuo ekde 2008 en bela plen-kolora kovrilo!**



# Komencanto



2008

*Oni diras, ke vi estas reĝo de la jaro...*



*Bildon sendis Naila Sadretdinova [Voronej, Rusio]*

internacia revuo por komencantaj aŭtoroj kaj komencantaj esperantistoj

januaro - februaro

**kiel Georgo Handzlik, vaste konata E-bardo, iĝis esperantisto**
***verkoj de niaj legantoj — gramatikaj lecionoj de J-L Tortel***
**diversaj ondoj el bunta mondo — aforismoj, ŝercoj, anekdotoj**
**la praktiko — korespondu!**



1 (69)

# Ĝi aperas 6-foje jare.
# Perantoj en multaj landoj.
# Internacia tarifo: 18 €
# Redaktoro: Viktor Kudravcev, Rusio
# Retadreso: *komencanto@r66.ru*

# „ESPERANTE"
## PROKSIMIGI PACON inter ARABAJ LANDOJ kaj ISRAELO

Kaj la araban kaj la hebrean oni skribas de dekstre maldekstren. Ili ambaŭ estas ŝemidaj „fratinaj" lingvoj: la vorto paco, ekzemple, en la araba sonas *salaam* kaj en la hebrea *ŝaloom*. Bedaŭrinde, la rilatoj inter kelkaj el la arabaj landoj kaj Israelo tute ne estas frataj. En tiu regiono, nomata „Mez-oriento", regas malcerta paco kaj fakte inter najbaraj palestinanoj kaj israelanoj delonge daŭras stato de milito, kiu preskaŭ ĉiu-tage kaŭzas perdon de homaj vivoj.




En la komenco de aprilo okazis en Amano, ĉefurbo de Jordanio, la 1-a Mez-orienta Kunveno de Esperantistoj. Post Egiptio, Jordanio estis la dua araba ŝtato, kiu subskribis pac-kontrakton kun Israelo (en1994).

Tiu ĉi kunveno, kvankam malgranda, meritas apartan atenton kaj laŭdon. Ĝi estis ekzemplo de vera esperantismo: frateco de popoloj. Estas rimarkinde, ke por israelanoj kaj eĉ por pacemaj araboj (tiaj kompreneble estas la arabaj esperantistoj!), troviĝi en araba lando, kie loĝas multe da palestinanoj, postulas kuraĝon, ĉar oni daŭre timas pri propra sekureco. Temis do pri bela kaj vere kuraĝa renkontiĝo de dudek-kvino da partoprenantoj. Inter ili 12 geisraelanoj kaj samnombro da partoprenantoj el la turka kaj araba flanko. El Italio venis s-ro Renato Corsetti, eksprezidanto de UEA.

Oni parolis pri komunaj kaj interesaj temoj, kaj ĉefe pri tio, kiel varbi al Esperanto en la araba mondo. Dum la lastaj du tagoj oni esperante kaj ĝoje turismis tra Jordanio (Petra, Ĝaraŝ kaj aliaj ege famaj lokoj). Tio ankaŭ helpis fari el ĉi tiu unua Mez-orienta Kunveno neforgeseblan okazaĵon por la partoprenintoj.

Ni esperas, ke la unuan kuraĝan paŝon sekvos aliaj, pli kaj pli sukcesaj, kaj ke tia-maniere Esperanto helpos al pacigo de tiu suferiga regiono.

Ni ĉiuj sekvu kaj helpu ilian ekzemplo-donan agadon! Multajn sukcesojn!

*Gian Piero Savio*

# ENHAVO



**Sen pied-notoj JUNA AMIKO uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: www.junaamiko.inf.hu aŭ en www.eo.lernu.net .**

**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI, Riouwstr.172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando. **Redaktoroj**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) kaj *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*) **Lingva reviziianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadikova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Marie-Helene Desert* (Francio), *Jadranka Mirič* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Bardhyl Selimi* (Albanio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Beloševič* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario). Presita kunlabore kun la **Presejo Saluton**, Budapeŝto, Hungario. **Administranto**: *Stefan MacGill* (adreso supre) kaj *Anna Besenyei* (Hungario), retadreso: *esperanna@gmail.com*

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero aperos en decembro.**

# Instituto Zamenhof en Togolando





*La 13an de septembro 2004 malfermiĝis la lernejo Instituto Zamenhof (**IZo**) en Lome, la ĉefurbo de Togolando. La ideo mem naskiĝis en la jaro 1996, kiam Hans Bakker (Nederlando), kiu havis kontakton kun mi gvidis ĉe UEA la Afrikan Agadon. Dank' al lia helpo kaj fondaĵo, post ok jaroj malfermiĝis la lernejo, kiu havis tiu-tempe sep klasĉambrojn kun iom pli ol 200 gelernantoj. Sed la nombro de la geknaboj, kiuj deziras lerni en IZo, kreskas de jaro al jaro. Nun ĝi havas dek unu klasĉambrojn, unu komputilejon, unu ĉambron por la instruistoj, du ĉambrojn por administracio, du gasto-ĉambrojn, magazenon, duŝejojn kaj necesejojn.*

*Esperanto estas grava lingvo por la homaro kaj precipe por Afriko, kiun koloniistoj dividis inter si. **"Infanoj edukiĝu kaj Esperanto progresu en Afriko"** jen la frapfrazo, ĉef-celo de Instituto Zamenhof. La instruado okazas laŭ la instru-programo de Togolando. Ekzistas elementa nivelo, en kiu oni studas ses jarojn, kaj mezgrada nivelo kun kvar jaroj. Esperanto estas instruata en la mezgrada. La plimulto de la instruistoj estas esperantistoj. Du el ili prizorgas la E-instruadon kaj faras ĉion eblan, por ke la lernantoj utiligu Esperanton. Korespondadon kun alilandaj lernantoj finance apogas la lernejo. Laŭ la rezultoj de la lernantoj IZo preskaŭ ĉiu-jare okupas la unuan lokon en la lando.*

*Instituto Zamenhof "fabrikas" ne nur estontajn kadrojn togolandajn, sed ankaŭ esperantistojn. Dank' al ĝi Esperanto tre bone fartas en Togolando. Ĝi disponigas lokon por E-laboroj por Afriko. Afrika Centro Esperantista (ACE) gastas en Instituto Zamenhof, ĝi estas la sidejo de ARE (Afrika Reto Esperantista) kaj pluraj aliaj E-organizaĵoj.*

*La plej-parto de la lernantoj estas malriĉaj. Por ke IZo povu efike helpi ilin, necesas la financa subteno de malavaraj ekster-afrikaj esperantistoj aŭ neesperantistoj. Ĉiuj povas helpi siamaniere: helpi aŭ helpigi. Kiuj ŝatus iel kontribui aŭ havi pli da informoj, tiuj turnu sin al: **esp.togo@cafe.tg** .*

*Longe vivu IZo, ĉar bezonas ĝin kaj esperantistoj kaj ne-esperantistoj!*

*Koffi Gbeglo, Togolando*

# Venu por interkonatiĝi!

***Tiu ĉi paĝo-paro servas geknabojn, kiuj lernas Esperanton kaj aktivas en AKEL, LingvoLanĉilo, InterKulturo aŭ en iu alia formo, ekzemple skoltaj aŭ ĝemel-urbaj kontaktoj aŭ, simple, interesiĝas pri eksterlandaj kulturoj.***

Certe kulpas ankaŭ la someraj ferioj (en la norda hemisfero), ke venis respondoj nur el tri landoj, nome: el **Ĉeĥio** (CZ), **Serbio** (RS) kaj **Hungario** (HU). Espereble, la subaj respondoj (kaj la instruistoj!) instigos plurajn legantojn, sekve la decembra numero jam enhavos ankaŭ vian kontribuaĵon. Kun sci-volemo ni atendas ĝin. Ne hezitu, ekagu!

Jen estas la respondoj de ***Milada Kolářová*** (CZ), ***Aleksandra Miladinov*** (RS) kaj ***Georgo Veres*** (HU).

1. ***Kiam vi havas nacian festotagon? Pri kio vi rememoras tiam?***

   CZ: *Ni havas plurajn naciajn festotagojn. Ni festas la 28an de oktobro, kiam en la jaro 1918 ni sendependiĝis el Aŭstrio-Hungario kaj denove ekestis Ĉeĥoslovakio. Alia nacia festo: 17 oktobro 1989, kiam komenciĝis la „velura revolucio”, kiu alportis la finon de socialismo en nia lando.*

   RS: *Ni havas plurajn ŝtatajn kaj naciajn festojn. Unu el ili estas Tago de Sankta Savao (26 januaro), kiu estas protektanto de la lernejoj. Tiam ni rememoras pri la unuaj serbaj kleriguloj.*

   HU: *Ni festas la 20an de aŭgusto. Tiam ni rememoras pri nia reĝo Stefano la Sankta, kiu fondis fortan hungaran ŝtaton komence de la 11a jarcento. Tiu dato estas ankaŭ la Tago de la Hungara Konstitucio.*

2. ***El kiom da lernotagoj konsistas ĉe vi semajno?***

   CZ: *Ĉeĥaj lernantoj devas lerni 5 tagojn semajne, de lundo ĝis vendredo. Sabato kaj dimanĉo estas liberaj ne nur por lernejanoj, sed ankaŭ por laboristoj.*

   RS: *Unu semajno konsistas el kvin lernotagoj.*

   HU: *Ni lernas de lundo dum kvin tagoj. Ĉe ni sabato kaj dimanĉo estas ripoztagoj.*

3. ***Kiom da horoj vi pasigas antaŭ televidilo/komputilo?***

   CZ: *Mi ne spektas ĉiu-tage teleprogramon. Mez-nombre ĉirkaŭ unu horon tage. Hejme mi malofte komputilumas, eble unu horon semajne.*

   RS: *Mi pasigas duonhoron antaŭ televidilo. (Mi estas komecanto en la uzado de komputilo.)*

*Vi (individuo aŭ grupo) devas mallonge respondi 5 demandojn kaj sendi ilin al la redaktoro ( geza@banyai-kkt.sulinet.hu ). Kunsendu 1 demandon.*

*Kun ĝojo ni akceptas ankaŭ respondojn pri la antaŭaj demandoj. Ili aperas en nia hejm-paĝo (**www.junaamiko.inf.hu**) sub titolo: Venu por interkonatiĝi! Ĝi meritas ankaŭ vian viziton.*

*HU: Meznombre mi telespektas kaj komputilumas du-tri horojn tage.*

**4. *Kion vi trinkas, kiam vi soifas?***

*CZ: Mi plej ofte trinkas teon, mineralan akvon aŭ simplan akvon kun frukto-suko. Ĉeĥaj viroj preferas bieron.*

*RS: Kiam mi soifas, mi trinkas akvon.*

*HU: Mi trinkas mineralan akvon aŭ fruktosukon, el kiuj mi pleje ŝatas frambo- kaj abrikotsukon.*

**5. *Kiun frukton oni manĝas plej multe en via lando?***

*CZ: Mi opinias, ke ĉeĥoj plej multe manĝas pomojn. En ĉiu ĝardeno oni havas pomarbojn. Ni ŝatas ankaŭ pirojn, ĉerizojn, prunojn, fragojn, frambojn, berojn.*

*RS: En mia lando oni manĝas plej multe pomojn. Poste sekvas: prunoj, framboj kaj rubusoj.*

*HU: En Hungario oni manĝas ĉefe pomojn (de aŭtuno ĝis aprilo). Tre ŝatataj estas ankaŭ: ĉerizo, frago, abrikoto, persiko kaj piro. Mi persone preferas vinberojn.*

## *NOVAJ DEMANDOJ:*

1. ***Se vi povus deziri kiel en fabelo, kio estus via unua deziro?***
2. ***Kiel popolano, pri kio vi estas plej fiera en via lando?***
3. ***Kiu olimpia ĉampiono de Pekino estis por vi la plej simpatia?***
4. ***Kiom da amik(in)oj vi havas? Ĉu vi ŝatus havi pli?*** *(A.Miladinov)*
5. ***Kien vi vojaĝus plej volonte?*** *(G.Veres)*

***Ne forgesu aldoni demandon, kiu aperos en nia sekva numero.***

La respondojn sendu ĝis la **1a de novembro 2008** al

***geza@banyai-kkt.sulinet.hu***

**Se vi verkis fabelon por la Tutmonda Esperanta Fabel-konkurso, ne forgesu sendi ĝin ĝis la 15a de septembro.**
**Adreso: Päätalo-Instituto, PL 39, FI-93401 Taivalkoski, Finnlando**

# La bovino de Nasredino*

Maljuniĝinte Nasredino ne povis fari ion alian ol paŝti sian bovinon. Iutage lin renkontis tri junaj, lukse vestitaj riĉuloj el la urbo. Ekvidinte Nasredinon ili decidis trompi lin, kiu – laŭ ili – jam trompis multajn homojn.

– Estos iom malfacile – rimarkis unu el ili – ĝis hodiaŭ neniu sukcesis fari tion. Nasredino estas vera vulpo.

– Ni konvinku lin buĉi la bovinon, dirante ke hodiaŭ venos la finiĝo de la mondo kaj la lasta juĝado.

– Nu bone, ni komencu tiun ludon, sed mi timas, ke li superruzos nin.

Ili alproksimiĝis do al Nasredino kun malĝoja kaj malhela vizaĝo kaj diris:

– Bonan tagon, Nasro!

– Bonvenon, sinjoretoj!

– Kion vi estas faranta en ĉi tiu kampo?

– Vidu, mi estas jam senforta maljunulo, mi ne povas fari alian laboron krom paŝti mian bovinon.

– Kian utilon alportas nun via bovino?

– Ĝi ja donas iom da lakto, per kiu mi viv-tenas min – respondis Nasro.

– Bone, bone. Ĉu vi ankoraŭ ne aŭdis, kio okazos baldaŭ?

– Ne, kio do? Kiel ajn, estiĝu kion volas la granda Dio nia! Ĉu io malbona?

– Tre malbona, eĉ katastrofa! Por ni kaj por vi, por la tuta homaro. Morgaŭ la mondo pereos kaj la lasta juĝado okazos. Dio nia, ni suferos ĝis ekstremo.

– Ne diru tion, sinjoretoj miaj. Fakte mi kompatas vin, junulojn, sed pri mi mem ne plu zorgu, ĉar mi travivis longe. Dirante la veron, mi apenaŭ ĝuis feliĉan tagon ekde mia naskiĝ-tago, morti estos do pli bone ol vivi. Cetere mi postlasos neniun.

– Do, ĉar morgaŭ ni ĉiuj pereos, ankaŭ la bovino ne plu utilos al vi.

– Jes, jes, kompreneble ankaŭ ĝi ne plu utilos al mi, same kiel la riĉaĵo kaj brutaro al vi.



– Ni agu do tiel: ni buĉu la bovinon, kiu ne plu utilos al vi. Ni senfeligos, dispecigos kaj rostos ĝin sur fajro. Poste ni kunmanĝos kaj drinkos kune en la lasta tago de nia vivo, ĉar morgaŭ ĉiuj ni formortos ja, kaj estas pli bone morti sataj, ĉu ne?

– Tre bone vi rezonas!

*Nasredino prudenta kaj saĝa homo, imagita de la popolo

## kaj la finiĝo de la mondo

Tiel, ili buĉis, dispecigis la bovinon, luis kaldronon en la vilaĝo, bruligis fajron en la mezo de la kampo kaj boligis la viandon. Dume Nasredino sugestis al ili:

– Feliĉuloj miaj, pardonu min! Mi estis tre kapabla kuiristo. En ĉiu nuptofesto oni invitis min kuiri. Ankaŭ hodiaŭ lasu min fari la manĝaĵon por vi. Vi nur iru al la arbareto apude, haku brullignon kaj alportu ĝin al mi, ĉar la bovino estis sufiĉe maljuna, sekve ĝi bezonas longan kuiradon.



La tri sinjoretoj, tre gajaj, ĉar finfine ili estis trompintaj Nasredinon, demetis siajn superajn vestojn, tre luksajn kaj orumitajn, demetis la armilojn, same ornamitajn per oraĵoj kaj arĝentaĵoj, la manhorloĝojn kaj aliajn juvelaĵojn kaj lasis la tuton surtere, apud la fajro. Poste ili disiris en la arbareton por haki kaj kolekti brullignon. Dume Nasredino, kontrolis la vestojn, elprenis la tutan monon, kaj enfajrigis la vestojn kun ĉiuj aliaj aĵoj. Kiam la sinjoretoj revenis, li diris:

– Brave, vi faris laŭdindan laboron, vi ja alportis sufiĉe da brulligno.

La sinjoretoj eksidis ĉirkaŭ la fajro, observis la kaldronon kun la bovinaĵo, okulumis unu al la alia kaj ridetis kiam ili rememoris ke ili sukcesis trompi la ruzan Nasredinon. Sed kiam ekventis freŝe, ili sentis la bezonon survesti ion. Tial ili ekstaris kaj serĉis siajn vestojn. Sed vane, nenie ili trovis tiujn.

Iom nervozaj, ili demandis al li:

– Nasro, ĉu vi scias, kie troviĝas niaj aĵoj? Ĉu vi metis ilin ien ajn?

– Ĉu la vestaĵoj? Kiuj vestaĵoj? Aha, nun mi rememoras. Ĉar vi iom malfrue venis kaj ĉar la fajro estis malfortiĝanta, mi enĵetis en ĝin viajn vestojn.

– Kion vi faris? Vi bruligis niajn vestojn?! Ili kostis ja multege! Ĉu vi ne havas okulojn? Via ago estas brutala!

– Ĉu? Neniel! Mi pensis pri la finiĝo de nia mondo, kion vi mem anoncis al mi. Ja vi buĉis ankaŭ mian bovinon, ĉar ĝi ne plu utilos. Same ne utilos ankaŭ viaj vestaĵoj! Mi havis nur unu bovinon kaj neniun alian, tamen mi volonte permesis al vi forbuĉi ĝin.

Unu el la sinjoretoj – pentinte, tre malgaja – sin turnis al Nasredino:

– Vi ne kulpas, Nasredino, ni kulpas, ni kiuj havis la kuraĝon alfronti vin, la plej lertan trompiston en la mondo! Ne veras, ke la mondo pereos. Ni simple deziris moki vin!

– Vi do ŝajnigis, ke la mondo malaperos nur por mi kaj mia bovino, kaj neniel por viaj vestaĵoj. Sciu, viretoj, ke ĝis hodiaŭ Nasredinon neniu sukcesis supermensogi, kaj neniu sukcesos fari tion estonte. Bonan vojaĝon al vi. Ankaŭ ĉi-foje mi estas la gajninto!

La sinjoretoj ekiris kun kapo klinita, dum Nasredino aĉetis per ilia mono tri novajn bovinojn.

Esperantigis: *Bardhyl Selimi, Albanio*

# ĈIRKAŬMONDA VOJAĜO

En februaro kaj marto de la kuranta jaro helpe de Internacia Klubo ESPERANTOTUR en Bydgoszcz (Bidgoŝĉ), Pollando ni okazigis 40-tagan ĉirkaŭmondan vojaĝon tra 20 landoj, 4 kontinentoj. Unue, ni flugis el Pollando tra Britio, Antigvo, Portoriko al Dominika Respubliko. Tie ni prenis belegan krozŝipon kaj post du semajnoj ni atingis la urbon Sankta Lucio. De tie sekvis flug-vojaĝo tra Usono kun ekskursoj en Nov-Jorko, Ĉikago kaj Los-Anĝeleso, de kie aviadilo portis nin al Aŭklando. Denove sekvis ŝipkrozado 12-taga ĉirkaŭ Novzelando kun Fjordlando – Tasmanio al Melburno – Sidnejo. El Aŭstralio tra Honkongo – Ĉinio ni revenis al Pollando.

Tio estis la plej luksa ĉirkaŭmonda vojaĝo de Esperantotur, sed relative favor-preza. Ĝi kostis 8-10 mil USD, depende de la aliĝ-dato. Ĉiu el la 11 vojaĝantoj ŝparis po 2-5 mil USD, ĉar ĉiu aliĝis kaj pagis pli ol 6 monatojn antaŭ la ekvojaĝo. Unu tago de ŝipkrozado kostas 50-100 USD kun abunda plurfoja manĝado, tranoktado en dupersonaj kajutoj kun riĉa surŝipa programo. (Per la sama mono en Usono oni povas ricevi nur tranoktejon.)

Jam en majo aperis la **Internacia Turisma Esperanto-Kalendaro** por la jaroj 2008/2009 kiun vi povas peti de info@esperanto-turismo.org . Indas ĝin trafoliumi.

*Andrzej Grzebowski*

*abunda:* grand-kvanta / *aviadilo:* flug-maŝino / *kajuto:* ĉambreto en veturilo / *krozi:* ŝip-veturi





## *Azia lutro*

La azia lutro kun malgrandaj ungoj estas indiĝena en Sud-orienta Azio, Sud-Hindio, Sud-Ĉinio, Indonezio kaj Filipinoj. El inter la lutroj, vivantaj sur nia Tero ĝi havas la plej malgrandan korpon, la plen-kreska besto havas 2,7-5,4 kg-ojn. Ĝia nutraĵo konsistas ĉefe el kankroj, moluskoj, fiŝoj kaj malgrandaj vertebruloj. La nov-naskitoj estas malgrandegaj kaj mallertaj, ili malfermas siajn okulojn nur 40 tagojn post naskiĝo. Kiam ili havas 60-63 tagojn, ili provas pli kaj pli ofte naĝi, kaj en sia 80 taga aĝo ili provas manĝi ankaŭ jam solidajn nutraĵojn. En la besto-ĝardenoj de la mondo oni bredas ĉirkaŭ 1000 ekzemplerojn.

*Katalin Perczel-Szabó, Hungario*



Foto: *David Snovsky*

*Cezar:*

## Knabo ludas kun plastaj trinkujoj

Ĉu li metu flanken ĉiujn,
aŭ nur tiun aŭ nur tiujn?
Li ne scias vere bone.
Ĉu prefere tiun fone?
Kiel ajn li metos ĝin,
mankas iom la rutin'.

Ĉu li metu ĉiujn vice?
Ĉu en aro laŭ-police?
Ĉu li lasu ilin sune?
Ĉu stakigu ilin kune?
Li plu luktas pri decid'.
Ĝenu ne per laŭta rid'!

Ĉar la knabo ne nur ludas,
sed pripensas kaj konkludas,
li forgesas pri la mondo
dum medito pri la rondo.
Li forsinkas en cerbum'
dum fotado por album'.

*V.Setälä*

## LA JARO

Tridek tagoj en septembro,
en april', juni', novembro.
Dudek ok en februaro,
dudek naŭ en superjaro.
Restas sep monatoj, kiuj
havas tridek unu ĉiuj...

*V.Setälä*

## LA SEMAJNO

Lundo, mardo kaj merkredo,
poste ĵaŭdo kaj vendredo,
sekvas sese la sabato
kaj la sepa, la dimanĉo.
En la kapo – sen eraro –
la semajna kalendaro.

### Vort-klarigoj ⬆

*plasto:* arte-farita materialo / *fono:* malantaŭo de vidaĵo / *konkludi:* veni al logika konstato / *rutino:* granda sperto en io / *sinki:* enprofundiĝi /*stako:* aro da sam-formaj aĵoj

⬅ **Azia lutro** (p. 10)

*indiĝeno:* naskito de tiu loko / *kankro:* 10-kruraj akvo-bestetoj / *molusko:* sen-ostaj akvo-bestetoj / *vertebro:* ĉef-osto de dorso.

*Otokar Batliĉka*

# TIGRO PATRINO

La spektejo ektremis pro rido! Kial ne? La fame-konata klaŭno Greg prezentis siajn gajajn programerojn en la maneĝo de mondfama cirko. La cirko „Imperator" estis plenŝtopita.

En la paŭzo la direktoro proponis al la spektantoj rigardi la stalon de la cirko kaj la kaĝojn kun danĝeraj bestoj.

Mi rigardis al mia amiko kaj tiu kap-jesis. Tio signifis, ke ankaŭ ni iru rigardi la bestojn. Malantaŭ la ĉefa tendo estis vigle. La spektantoj promenis ĉirkaŭ la kaĝoj kaj kun intereso rigardis la preparojn por la dua parto de la programo. Ni venis al la kaĝoj kun bengalaj tigroj. Belegaj bestoj! Rigardante ilin oni apenaŭ povus imagi, ke temas pri danĝeraj rabo-bestoj. Mia amiko, ĵurnalisto de la plej granda taggazeto en Oslo, petis, ke oni prezentu lin al sinjoro Fetter. La flegisto kaj samtempe dresisto de sovaĝaj bestoj, sinjoro Fetter, faris tiun ĉi profesion jam longan tempon kaj en sia fako li estis elstara kaj mondkonata.

„Tio estas vere belega tigro. Rigardu la graciajn movojn!" mi diris al mia amiko. Meze de nia parolado interrompis nin iu voĉo: „Pardonu, sed tio estas tigrino, ĝia nomo estas Judita!"

Estis la dresisto mem Fetter. Li paŝis tuŝ-proksimen al la kaĝo kaj traŝovis sian manon al la kapo de la grandega tigrino. Tiu rekonis sian mastron kaj supren-ŝovis la supran lipon. Ekaperis timigaj ŝirdentoj, sed la dresisto klarigis al ni: „Jen ĝi ridas – ni amas unu la alian. Ĝi saltas tra brulanta ringego, sed mi ankoraŭ neniam devis uzi vipon! Ĝi ne estas ankoraŭ longe ĉe ni. Nia cirko aĉetis ĝin antaŭ du jaroj, de la cirko King. Hodiaŭ estos kun ĝi en la kaĝo unu tigron pli ol kutime. Ĵus, hodiaŭ ni ricevis ĝin de la firmao Hagenbeck. Ĝi estas fama pro bredado de bengalaj tigroj. Sed nun pardonu min, mi devas min prepari al la prezentado, baldaŭ finiĝos la paŭzo!"

Ni adiaŭis kaj dankis la agrablan sinjoron, kiu travivis grandan parton de sia vivo en kaĝoj inter sovaĝaj bestoj. Poste ni reiris al niaj lokoj. Dum la paŭzo, meze de la cirko oni konstruis grandan feran kaĝon, de kiu kondukis fera koridoro al la malantaŭo de la maneĝo. Dum la sono de brua marŝo eniris en la kaĝon la dresisto Fetter. Li estis vestita per bela uniformo. Ĉe la zono pendis ujo kun pistolo kaj en la mano li havis longan vipon kun mallonga tenilo. La publiko bonvenigis lin per granda aplaŭdo.

La dresisto donis signon per mano. La muziko mallaŭtiĝis kaj dek belegaj tigroj enpaŝis en la kaĝon. Naŭ el ili tuj saltis sur lignajn seĝegojn, sed unu el ili kuris tra la kaĝo kaj ŝajnis, ke ĝi ne volas okupi sian lokon. La dresisto kelkfoje klakis per la vipo, paŝis kontraŭ la danĝera besto kaj per longa ligna stango puŝis ĝin al la loko, kiu estis libera por la deka tigro. La tigro kelkfoje buŝ-kaptis al la ligna

stango, sed fin-fine, kolere murmuregante, ĝi saltis sur la liberan seĝegon. Apenaŭ la dresisto sukcesis irigi la tigron tien, saltis de sur sia loko alia tigro kaj ŝov-rampis al la dresisto. „Kio estas Judita? Iru reen!" aŭdiĝis voĉo el la kaĝo.

Sed Judita, la ŝatata tigrino de sinjoro Fetter, ne volis obei. Male. Ĝi trankvile sidiĝis apud la besto, kiun la dresisto devis peli al ĝia loko. Kelkaj klakoj per vipo – vane. Mi klinas min al mia amiko kaj flustras: „Ĉu vi memoras? La dresisto diris, ke Judita estas lia karulino kaj ke por ĝi li ne bezonas vipon. Nun ŝajnas ne tiel!"

La amiko diris kun rideto: „Tio estas intence aranĝita. La spektantoj ŝatas tion! Ofte mi vidis, ke dresisto intence incitis la bestojn por ke ili kriegu – tio impresas!"

En la kaĝo denove klakis vipo. La dresisto alpaŝis tut-proksimen al la tigrino. „Judita, Judita, antaŭen!" li devigas la tigrinon movi sin, sed – vane! Denove li uzis la vipon – ĉi-foje sen klako, ĉar ĝia fino trafis la striitan dorson de Judita. La tigrino obtuze ĝem-kriis kaj timeme kaŭriĝis. Kaj jen okazis io, kion neniu atendis!

Ĉio okazis tiel rapide, ke estas malfacile priskribi tion. Ok tigroj, kiuj sidis sur siaj seĝegoj, tute ne atentis la dresiston kaj Juditan. Nur unu, ĉe kies seĝo kaŭras Judita, estis ege maltrankvila. En la momento, kiam la vipo ektuŝis la dorson de la tigrino, antaŭ ol la dresisto povis ion ajn fari, la tigro eksaltis kaj faligis lin teren!

En la spektejo ekestis tumulto, kriego! La tigro grumblis kaj ekkaptis la maldekstran brakon de la dresisto, per kiu li ŝirmis sian kolon. Dum ero da sekundo, per salto Judita troviĝis apud la dresisto, kiu kuŝis sur la tero. Per ekmovo de sia antaŭa piedego ĝi repuŝis la atakantan tigron, kiu post la bato forruliĝis. La tigrino postsekvas ĝin kaj kelkfoje intime frotas sian grandan kapon al ĝia nazo – kaj reiras al la dresisto, kiu pene leviĝas. Je surprizo de la spektantoj ĝi karese frotadas sin kontraŭ liaj botoj.

Kio estis tio? Ĉu tio ĉio apartenis al la programo? Tute ne!




La disŝirita maniko de la dresisto kaj la vundita maldekstra brako pruvas, ke la situacio estis vere serioza. La programero estis interrompita kaj kelkaj klaŭnoj, kiuj enkuris la maneĝon, helpis trankviligi la ekscititajn spektantojn. Mi foriras kun mia amiko al la veturiloj de la cirkaj artistoj. En la pordo de unu el la multaj loĝ-veturiloj ni renkontas la posedanton de la cirko

kun kuracisto. Ni demandas pri la stato de sinjoro Fetter. Kun ĝojo ni ekscias, ke la vundo ne estas danĝera.

Sinjoro Fetter sidas sur sia lito, la maldekstra mano estas bandaĝita kaj li ridetas. „Malfeliĉa afero! Imagu nur. Mustafa – la juna tigro, kiun oni sendis al ni de Hagenbeck... jen, rigardu mem... kaj tion oni donas al mi nur nun! Nun, kiam mi havas vunditan brakon! Se mi estus tion sciinta pli frue, okazus nenio!"

Mi prenas la paperon, kiun li montras al ni. Temas pri fakturo kun aldonitaj informoj: „Ni sendas al vi tigron Mustafa. Ĝi naskiĝis en Hagenbeck. Aĝo: 2 jaroj. Patro: Sahib. Patrino: Judita."

„Judita estas, do, la patrino de Mustafa! Tial ĝi volis en la kaĝo sidi apud ĝi. Kiam mi uzis la vipon, la filo defendis sian patrinon – kaj la patrino defendis min. Kara Judita! Tiu juna frenezulo povus pli severe vundi min. Kun tiu ĉi vundeto post kelkaj tagoj mi denove estos en la maneĝo!"

Antaŭ la forveturo de la cirko el Oslo mi ankoraŭ-foje ĉeestis la finan, festan prezentadon. Mi rimarkis, ke apud la seĝo kun la nomo Judita staris alia kun la nomo Mustafa. Judita sukcesis! Ĝi sidis apud sia filo!

Tradukis: *Dieter Berndt, Germanio*

*aplaŭdo:* per kunfrapado de manoj montri, ke io plaĉis / *bandaĝo:* tolo por ĉirkaŭvolvi vundon / *Bengalio:* parto de Hindio / *bredi:* vivteni kaj reprodukti / *cirko:* granda, ronda tendo, en kiu oni prezentas artan programon / *dresi:* instrui beston / *fakturo:* sciigo pri pagenda prezo / *felo:* besta haŭto kun haroj / *grumbli:* murmuri pro malkontento / *impresi:* montri ion eksterordinaran / *inciti:* elvoki ies koleron / *kaĝo:* loĝejo por bestoj / *karesi:* delikate tuŝi / *kaŭri:* sidi kuntiriĝinta / *klaki:* aŭdigi sonon per rapida movo de io kontraŭ io / *klaŭno:* gajiga artisto / *maneĝo:* loko, kie oni prezentas bestojn kaj artistojn / *obtuze:* malklare / *spekti:* rigardi programon / *stango:* longa ronda peco el ligno / *strio:* longa mallarĝa parto sur io / *tumulto:* granda bruo / *vipo:* ŝnuro alligita al tenilo.




Per tiu ĉi ludo vi povas ekzerci vin pri vort-farado, povas prezenti kaj la logikan strukturon kaj la simplecon de nia lingvo.

Prenu por la ludo 3 vort-radikojn kaj 10 afiksojn. Ekzemple:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *rid-* | *mal-* | *-eg* | *-em* | *-ec* |
| *bel-* | *-in* | *-et* | *-ind* | |
| *amik-* | *-ul* | *-aĵ* | *-ig* | |

**Via tasko**: Helpe de la supraj vortoj (ankaŭ la afiksoj povas roli kiel simplaj vortoj, ekzemple: *ino, ulo, ege, inda,* ktp.) faru almenaŭ 50 derivitajn vortojn. Ekzemple: *rideti, malamiko...* (Ŝanĝo de la finaĵo kiel *rideto, ridete* aŭ *malamika, malamiki,* ktp. ne estu konsiderataj kiel novaj vortoj. Tiel oni certe povus krei preskaŭ 200 vortojn).

**Agrablan vort-kreadon!**

*En vort-farado kiu nacia lingvo povus konkuri kun Esperanto? Kiom da tempo vi bezonus ellerni ĉiujn vortojn en iu fremda nacia lingvo?*

Se la ludo plaĉas al vi, provu fari vortojn el aliaj radikoj kaj afiksoj. Ne forgesu, ne ĉiuj vortradikoj estas tiel produktivaj.

*Hejme etulo demandas al la patrino:*
*"Panjo, kie vi estis, kiam mi enmondiĝis?"*
*"En kliniko."*
*"Kaj Paĉjo, kie li estis?"*
*"En sia laborejo, kiel ĉiam."*
*"Do, se mi ĝuste komprenas, neniu el vi ĉeestis, kiam mi naskiĝis."*

*Saliko*

"Mi dufoje edziĝis, sed ambaŭ geedziĝoj malsukcesis."

"Kial?"

"La unua edzino forlasis min, kaj la dua ne volas."

*E. Rajtmár*

# humuro

"Ba, kia kelnero vi estas?" grumblas la restoraciestro. "Vi denove rompis unu tigo-glason! Mi esperas, ke tiu estas la lasta!"

"Ne, sinjoro ĉefo! Restas ankoraŭ tri."

*Granda Ŝerc-enciklopedio*





## *PARLAMENTANOJ*

*Parlamentano eliras al la koridoro:*
*"Ĉu li parolas ankoraŭ?"*
*"Jes."*
*"Pri kio?"*
*"Li ankoraŭ ne diris."*

*Granda Ŝerc-enciklopedio*

*grumbli:* murmuri malkontente / *kelnero:* servisto, kiu surtabligas trinkaĵojn, manĝaĵojn / *parlamento:* aro da politikistoj de nacio / *restoracio:* publika manĝejo / *tigo:* longa maldika trunketo

## Legendo de araŭka* avineto

*La infanoj estas en kabano ĉirkaŭ la avineto. Dum ŝi ŝpinas lanon de ŝafo, ŝi rakontas legendon el la tempo antikva, kiun ŝi aŭdis de siaj prauloj.*

*„Rakontu, avineto", petas unu el la infanoj.*

*Kaj la avineto komencas:*



# KIEL ESTIĜIS KOPIHUO

Iam, antaŭlonge, loĝis en kabaneto belega indianino de la tribo mapuĉo (araŭka tribo) kun sia patro. Ĉiun posttagmezon ili iris en la arbaron kaj, dum li hakis arbon, ŝi ludis per falintaj branĉoj. Ŝi ĉiam rigardadis la altajn arbojn kaj pensis:

„Kiel belege aspektus la arbaro, se estus floroj en ĝi. Ĉi tie ĉio estas verda, sed mankas floroj."

Iun tagon la mapuĉino restis sola apud arbo, rigardante ties supron. En tiu momento aperis sorĉistino kaj diris al ŝi:

„Mi scias, ke vi arde deziras, ke la arbaro havu florojn."

„Jes ja", respondis la juna mapuĉino. La arbaro aspektu belege. Ege plaĉus al mi esti floro kaj atingi la supron de tiu peleno**."

„Se vi volas, mi povas transformi vin en floron."

„Sed kiel?"

„Vi devos veni tre frue matene, kaj mi donos al vi kelkajn plantojn. Vi endormiĝos kaj mi transformos vin en floron. Sed, kiam vi estos floro, vi devos eviti , ke manoj de sci-voluloj detranĉu vin."

„Morgaŭ matene mi estos ĉi tie."

Venontan tagon la bela mapuĉino trovis la sorĉistinon sub la sama arbo. La sorĉistino donis planton al la mapuĉino, kiun ŝi manĝis. Kaj minuton poste, ŝi estis en profunda dormo. Tiam la sorĉistino prenis la koron de la mapuĉino kaj elpremis la sangon sur folion. Iom post iom la folio ruĝiĝis. Poste ŝi pendigis la folion sur branĉon kaj diris:

„Mi donis al vi la plej vivan koloron. Nun vi estas kiel intensa fajro kaj ĉiuj deziros vin. Vi devas vin protekti kontraŭ ĉiuj, kiuj volas vin detranĉi, ĉar vi kolorigos aliajn foliojn per via koloro, kaj tiel ankaŭ ili transformiĝos en florojn."

Tiun tagon posttagmeze en la arbaro ludis la filinoj de la tribestro. Unu el ili vidis la floron kaj diris al siaj fratinoj: „Venu ĉi tien! Naskiĝis floro kiel fajro! Helpu min detranĉi ĝin!” Kaj ŝi surgrimpis la arbon.

Kiam la mapuĉino, transformita en floron, aŭdis tion, ŝi rapide saltis kaj atingis alian branĉon, pli altan ol la antaŭa. Unu el la knabinoj prenis vergon, kiu estis sur la tero, kaj komencis bati la branĉon, sed la floro saltis pli kaj pli alten.

Ĉar la knabinoj ne atingis sian celon, ili estis tre malfeliĉaj. Ili iris al la patro por peti lian helpon.



La tribestro ordonis al la plej lerta junulo de la tribo fari tiun laboron. Sed estis tute vane. Ĉar kiam li provis preni la floron, ĝi saltis pli kaj pli alten. Kaj krome, ĝi kaŝis sin inter la branĉoj, tiel ke neniu povas ĝin rimarki.

Ekde tiu tempo la kopihuoj kreskas gluitaj ĉe la trunko kaj branĉoj de la plej altaj arboj. Sed tie ili estas videblaj tiel ruĝaj, kiel fajro, donante gajecon al la arbaro, sed ankaŭ tiom alte, por ke neniu detranĉu ĝin aŭ malebligu al ĝi vivi.

Ĝi estas la nacia floro de Ĉilio.

Elhispanigis: *Jozefo de Jesús Campos Pacheco, Kubo*

*antikva:* pratempa / *glui:* alfiksi ion al io per duon-flua aĵo / *grimpi:* levi sin vertikale per manoj kaj piedoj / *indiano:* praloĝanto de Amerikoj / *intensa:* tre forte efika / *kabano:* tre simpla domaĉo / *kopihuo:* floro de iu arbo-speco en Ĉilio / *legendo:* rakonto pri iu tre malnova okazintaĵo / *sorĉi:* per vortoj estigi miraklon / *ŝpini:* fari fadenon / *tribo:* sam-devena hom-grupo / *vergo:* maldika, facile fleksebla branĉo.

*** araŭko – nomo de popolo, vivanta en Ĉilio kaj okcidenta Argentino**
**** peleno estas ĉilia arbo kun tre malmola ligno, parenca al kverko**

# *LUME*

*LA UNUA MIRINDA ETAĜO*



Legu al etulo la rakonton de Sofi, kaj helpu ilin skribi la numerojn!

| | | | |
|---|---|---|---|
| **15 post 15** | **1**  | **2**  | **3**  |
| **4**  | **5**  | **6**  | **7**  |
| **5**  | **9**  | **10**  | **11**  |
| **12**  | **13**  | **14**  | **15**  |

# Kion mi faras post la lernejo

Saluton! Mi nomiĝas Sofi! Mia lernejo venas al fino je dek minutoj post la tria (15.10) en vendredo. Hura! Sekvas la semajn-fino! Ekde la dekkvina horo ĝis mia enlitiĝo, mi faras multajn aferojn – fakte precize 15 aferojn por kiuj mi preparis bildojn. Rigardu ilin sur la apuda paĝo, kaj loku ilin laŭ la numeroj en mia rakonto! Sed atentu, mi faras eĉ pli ol 15 aferojn. Trovu tri aferojn kiujn mi faras, por kiuj ne estas bildoj: signu tiujn kvadratojn per kruco, tiel: ☒



Vi desegnu bildojn pri tiuj, kaj sendu ilin al mi. Mi donos premiojn!

Je la tria horo 🕒 mi ankoraŭ lernas; en la lasta leciono mi respondas demandojn de la instruisto. ☐ Fine la instruisto anoncas la rezultojn de Esperanta testo: mi gajnis bonegan noton! ☐ Tuj post la leciono, por ripozi, mi aŭskultas muzikon el mia poŝtelefono. ☐ Poste, mi rapide skribas miajn hejmtaskojn, ☐ ĉar mi volas iri al la art-salono kaj fini mian pentraĵon – mi bone pentras. ☐ Post la kvara, mi iras per motor-cikleto ☐ al sportejo kiu situas apud la lernejo. Tie mi unue sket-bretas dum dudek minutoj. ☐ Poste mi iras al la neĝ-salono, kie oni faras artefaritan neĝon. Tie mi neĝ-bretumas. ☐ Tio estas tre laciga, do poste mi iras al la budo kaj aĉetas glacikremon, kiun mi kun granda ĝojo manĝas. ☐ Poste okazas granda matĉo de flug-pilko kaj teamo de mia lernejo konkursas. Mi mem ne ludas, sed mi alportas la pilkon ☐ kaj mi saltas kun lan-buloj por kuraĝigi nian teamon. ☐ Post tio mi iras hejmen, manĝas vespermanĝon, ☐ kaj eliras al dancejo. Tie mi dancas kun mia amiko; plejparte mi dancas moderne ☐ sed dum kelkaj minutoj ni dancas tradicie – ni valsas. ☐ Fine, miaj klasanoj petas al mi muziki, do mi gitar-ludas por ĉiu ☐ kaj fine mi kantas. ☐ Post bela vespero mia amiko akompanas min hejmen, ☐ tuj mi salutas mian hundeton ☐ kiu jelpas laŭte kaj post tio mi enlitiĝas ☐.

Skribu literojn en la spacoj, laŭ la rakonto sur la antaŭa paĝo. Re-skribu la unuan enskribitan literon en la dekstra kolumno. Vertikale vi legos du-vortan kaŝitan frazon. Sendu tion al ni por premio!

| Bildo | Horo | Skribu literojn ĉi tie! | ↓ |
|---|---|---|---|
| | 21.30 | MI __ A N T __ S. | |
| | 15.00 | MI __ E R __ A S. | |
| | 15.09 | MI __ T __ N __ A S N __ T __ N. (A+) | |
| | 16.20 | MI __ K E __ B R __ T A S. | |
| | ekde 18.00 | MI __ L P __ R __ A S PI __ K __ N. | |
| | 17.00 | MI __ E Ĝ __ R __ T __ M A __. | |
| | ekde 18.00 | __ K __ Z __ S M A __ Ĉ __. | |
| | 21.50 | __ E L __ A S M __ A H __ N D O. | |
| | 15.15 | MI __ Ŭ __ K U __ T A S M __ Z __ K __ N. | |
| | 18.05 | MI __ U R __ Ĝ __ G A S LA __ EA __ ON. | |
| | 16.05 | MI __ R __ S M __ T __ R __ I __ L E. | |
| | 20.30 | MI __ A L __ O N D A __ C A S. | |
| | 15.45 | __ RT-S __ L O N E MI __ E N __ R A S. | |
| | 15.30 | MI __ KRI __ A S H __ J M __ A S __ O N. | |

## Konsiloj kiel LUMIGI per LUME: Sofi aktivas!

**Varmigo**

Montru la bildojn sur p. 18 kaj babilu pri ili, demandante ekzemple ĉu via infano ofte faras tiajn aferojn, ŝatas aŭ ne ŝatas fari ilin. Verŝajne pro io la infano volonte ekparolos – ĉu Esperante, ĉu naci-lingve. Vi ĉiam reagu en Esperanto!

**Numeroj**

Ni supozas ke la infano scias kalkuli en iu lingvo, ĝis dek, se ne ĝis 15, kaj povas rekoni kaj skribi numerojn. Jen okazo grandigi tiun scion. Montru la numerojn sinsekve kaj invitu al la infano diri ilin, en Esperanto se eble. Se ne, vi diru ilin en Esperanto kaj invitu ripetadon. Poste, ekzercu la numerojn eksterorde, demandante ekzemple 'Montru al mi... ses!' aŭ 'Kiu numero estas tiu?'

**Legu la rakonton**

Laŭt-legu la rakonton sur paĝo 19, unuafoje sen paŭzoj. Klarigu aŭ traduku nekonatajojn. Legu duafoje kaj invitu al la infano diri kaj enskribi la numerojn de la korespondaj bildoj. Por ne skribi en la revuon, fotokopiu la paĝ-paron, se eble kun grandigo. Se la infano ne kapablas skribi en tiujn etajn kestojn – probable estas tiel – permesu pli grandan skribadon apud la rakonto kun sagoj al la konvenaj kestetoj. Trovu la tri kestojn sen bildo, donu paperon kaj koloriglojn – certe oni volonte desegnos jelpantan hundeton!

**Plenumu la apudan ekzercon**

La infano enskribu la mankantajn literojn, majuskle aŭ minuskle, laŭeble sur grandigita fotokopio. Malkovru la sekretan mesaĝon. Se la infano scias aŭ duonscias la horojn kaj minutojn, starigu demandojn, ekzemple:

- Je kioma horo Sofi xxx-as?
- Kion faras Sofi je la xxx-a horo?
- Kion faris Sofi pli frue - A aŭ B?
- Kion faris Sofi tuj antaŭ / post kiam ŝi xxx-is?
- Je la xxx-a horo, ĉu Sofi jam xxx-is aŭ ankoraŭ ne?
- Je la xxx-a horo Sofi xxx-as – vera aŭ malvera?





Laŭdo por bona plenumo:- rakontu la sekvan ŝercon:



– Kial oni ne bezonas fulmilon por foti kuniklon?

– Ĉar ĝi jam havas ruĝajn okulojn!

rakontis Sonja MacGill




Rubrikestro:
Mónika
Molnár






Kiel dirite, niaj amikoj retiriĝis en la ripozejon, kie ili legis librojn, libretojn, eĉ libregojn. La historioj estis interesaj kaj ĉiuj atente aŭskultis la klaran voĉon de Legemulido. La infanoj fermis la okulojn por pli bone imagi la historion de ilia amiko, kaj iom post iom ili ĉiuj endormiĝis kaj sonĝis pri infanoj, pri bestoj, pri mirindaj aventuroj, ...
Kiam la infanoj vekiĝis, ili komencis rakonti siajn sonĝojn, do ili ekrakontis ilin unu al la aliaj.

*EKrakonti historion = **komenci** rakonti historion*

Kontentulido rakontis pri amika urso-familio, Gajnemulido pri giganta konkurso en kiu li *gajnis* gigantan premiegon, Timemulido pri sia kurada aventuro. Kiam li ekrakontis, ĉiuj infanoj eksilentis kaj per grandaj okuloj ekrigardis lin.

- Mi estis en arbarego - komencis la rakonton Timemulido -, kaj mi iom timis. La arboj estis altaj, malhelaj, kaj inter la arbusto-branĉoj io ekmoviĝis. Mi kriis, vokis vin, sed neniu aŭdis min... Mi vere ektimis. La branĉoj malfermiĝis kaj io ekkuris al mia direkto. Ho, mi ne atendis ke ĝi atingu min! Mi ekkuris kaj kuris, kuris ĉiam pli rapide. La Feino de la Arbaro diris al mi, ke ne necesas kuri, mi ne estas en danĝero, sed mi ne kredis ŝin. Ŝi eĉ donis al mi bildon pri mia fremda sekvanto, sed mi ne



kuraĝis halti por rigardi ĝin. Fine mi stumblis kaj jen, mi vekiĝis. Kia koŝmaro!

- Trankviliĝu Timemulido! - diris al li Elegantulido. - Nun vi estas denove inter ni. Sed... sed kion vi havas en via mano?

- Ho, jen la desegno de la Feino! - ekkriis ĝoje Timemulido. - Nun ni povos vidi, ĉu vere mi estis en danĝero aŭ ne. Ni vidu ĝin. Ajajajaj, mi bezonas helpon. La desegno damaĝiĝis kiam mi falis, kaj nun ĝi estas enigmo. Fakte, ĝi estas „Logikono". Ĉu vi scias kio estas „Logikono"? Ĝi estas mistera desegno, kie ciferoj helpos vin trovi la kvadratojn, kiujn vi devos kolorigi. Ekzemple se en la linio vi vidas 2 kaj 3, tio signifas, ke en tiu linio ie apud la komenco vi devas kolorigi 2 kunajn kvadratojn, poste estos almenaŭ 1 aŭ pliaj blankaj kvadratoj kaj poste denove 3 nigraj kune. La desegno montros al ni la beston, kiu sekvis Timemulidon. Ĉu li prave timis ĝin?

| | 3 | 2 | 1 4 1 | 10 | 2 | 2 | 2 | 2 2 | 1 2 1 | 8 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 2 | | | | | | | | | | |
| 1 | | | | | | | | | | |
| 2 3 | | | | | | | | | | |
| 1 2 1 1 | | | | | | | | | | |
| 4 1 | | | | | | | | | | |
| 10 | | | | | | | | | | |
| 7 | | | | | | | | | | |
| 1 1 | | | | | | | | | | |
| 1 1 | | | | | | | | | | |
| 2 2 | | | | | | | | | | |

**Serĉu konsilojn por solvi ĉi tiun nov-specan enigmon en <lernu.net>**



Se vi sukcesis solvi la „logikonon", sendu vian solvon al nia redaktejo. Dankon pro via helpo! Ĝis la revido, amiko!

# EMIL ERNI

Emilo kaj Erni forkuras el la restoracio al la bunĝiboj sur la planedo Kvang.







Sep sniĉojn poste...




Revenu! Mi ĝuste nun atingas la klimakson de la grandioza rakonto. La fliĝo-fuĝon!
Ni preferas mem fuĝi! Ĝis!
Ni devas fortiri la atenton de la liveristo. Kiel?
Emil, pensu! Kion ni plej lerte faras?
Komprenenble! Ni gvidos por ĝiaj du kapoj du lecionojn!
Precize. Po unu kapo, unu leciono!
Finfine! Ni povas gvidi du paralelajn lecionojn, sen ĝeni unu la alian.
Ĉi-foje ni ĝenos la liveriston!
Unu, Du, Instru'!
SKEMIL
Saluton! Mi nomiĝas Emil; li estas Erni. Vagantaj instruistoj, ni!
Erni estas mi, Emilo, li. Kiel vi fartas?
Ĉu vi iam scivolis, kiel funkcias tempo-maŝinoj?
Ne. Mi nur liveras ilin.
Ne tiom bone, dankon! Mi enuas. Mi estas deprimita...
...Ne diru – rakontu pri via juneco.
Mia patro estis manĝita de glaĉo kiam mi estis nur trizbaraĝa zbebo.
Tragike!
...kaj vi, ironie, havas nur tempo-maŝinojn por ŝi.
Mia panjo devis trovi laboron en ĉi tiu restoracio kaj neniam havis tempon por mi...
Kial?
Helpu al mi forpreni lavmaŝinon de via veturilo.
SKEMIL
Vi estas pli forta ol mi!




...geknaboj en la zbrelementa lernejo regule mokis min...

Ho, vi larmas. Ploru libere.

Ne estas tiel. Vi ambaŭ ĉirkaŭ-promenas tiom, ke mia nuko nodiĝis, provanta sekvi vin. Mi sufokiĝas!

Vi pravas, almozuloj ne rajtas esti pretendemaj.

Prave. Al zbrugo donacita oni buŝon ne esploras![Z]

Nun, kiel programi ĝin por 2008?

Kial ĝuste 2008?

Ĉar tiu estas mia plej ŝatata numero!

Ĝi plaĉas al vi?

Ĉe ĝi mi sentas min hejme!

Ĉu la ruzo sukcesos? Ĉu ili povos eskapi en la lav-maŝino? Ĉu Erni denove havos la piedon de Emilo en sia orelo? Eksciu ĉion en la sekva numero de JA.

**Vortklarigoj por Emil kaj Erni** (en ordo de apero)

*kamufliĝo:* la arto kaŝi sin
*pra-avo:* la patro aŭ avo de avo
*liveri:* al-porti
*klimakso:* la plej ekscita parto
*deprimita:* daŭre malĝoja
*neglekto:* mal-atento
*minus-komplekso:* malalta mem-estimo
*moki iun:* diri malbelajn vortojn pri iu
*almozulo:* petanto de mon-donacoj
*larmi:* eligi ploro-gutojn de la okuloj
*piedo:* suba* parto de la korpo
*orelo:* supra* parto de la korpo
*nuko:* korpo-parto kiu ligas la kapon kun la korpo
*nodiĝi:* ekesti ĉirkaŭ-volvita, kiel en nodo.
*sufokiĝi:* ne povi spiri
*ruzo:* trompo, truko

* ne validas dum tempo-vojaĝado per lav-maŝino.

Z = Proverbo de Zbludoviko Zbamenhof (4859-4914), eminenta Kvangano kaj kreinto de la moderna kvanga lingvo. Ĉar hipersaltoj al ret-paĝoj starigotaj en la estonteco estis realigitaj nur en la zbaro 3857 (de Galaksoft, kies ĉefo restis dum zbar-dekoj la plej riĉa estaĵo de la universo) ni ne povas proponi ret-ligon al la kolektitaj proverboj de majstro Zbamenhof. Espereble vi kontentiĝos je:
http://ourword.compuserve.com/Homepages/profcon/e-prov.htm

**Kvortklarigoj** (en ordo de malamikeco)
(el la Kvanga lingvo)

*sniĉo:* mezur-unuo sur la planedo Kvang.
*bunĝibo:* babilema planto sur la planedo Kvang.
*fliĝo:* iama malamiko de bunĝiboj sur la planedo Kvang.
*zbrugo:* dukapa grandulo sur la planedo Kvang.
*glaĉo:* nepriskribebla monstrego sur la planedo Kvang.
*Kvang:* planedo de bunĝiboj, zbrugoj, sniĉoj, fliĝoj, glaĉoj kaj (dumtempe – espereble) Emil kaj Erni.

## Juna amiko en Ipernity!

Nia kunlaboranto Judit Felszeghy konstruis por ni tie paĝon kun kovril-bildoj kaj amika vizaĝo. Rigardu kaj sendu al ni mesaĝojn!



http://www.ipernity.com/home/47248

## Tarifoj por 2009 – bona informo – sen altigo!

Jes, la estraro de ILEI ĵus decidis, ke nia revuo ankoraŭ unu plian jaron ne altigos siajn tarifojn. Tion ĝi faris, tamen sciante ke niaj kostoj forte altiĝas (meze 8% jare), kaj ke la revuo nuntempe estas klare deficita. Anstataŭ altigi la tarifojn, la estraro serĉos aliajn manierojn trakti tiun deficiton, kaj kunlabore kun la redakcio revenigi la revuon al financa stabileco. En tio, ĉiu leganto povos helpi. La ŝlosilo por financa ekvilibro estas re-altigi la nombron da abonantoj ĝis 700 – kaj por vera prospero (ne nur financa!) ĝis mil. Helpu nin! Unue, realiĝu frue por 2009, due konvinku amikojn ek-aboni. Aparte ni bezonas grup-mendojn de lernejoj! Ekde 2009 ni planas novajn konceptojn por la revuo – por ke ĝi plaĉu ne nur al la nunaj legantoj, sed ankaŭ pli plaĉu al la legantoj kiujn ni *volus* altiri. Ni prezentos niajn ideojn en la sekva numero!

Do jen la kotiz-tabelo por 2009! Ĝuu!

| | 1 ekz. | Ekde 3 |
|---|---|---|
| Tarifo 1 | € 14 | po € 11 |
| Tarifo 2 | € 9 | po € 7 |

# Interkultura




Rubrikestro: Elena Nadikova,
E-klubo „Betuleto",
Lernejo/Ŝkola-56,
pr. Traktorostroitelej, 38
RU-428028 Ĉeboksari, Rusio.

Saluton, karaj legantoj! Ne tiom longe nia rubriko rakontis pri la projekto Socrates Comenius AKEL-2 (Alternativa Komunikado inter Eŭropaj Lernejoj per internacia neŭtrala lingvo esperanto). Ĝi estis propono de Eŭropa Esperanto Unio (EEU) por helpi la solvon de la problemo de lingva diskriminacio en la Eŭropa Unio. (Rigardu numerojn 2006/2 kaj 2007/1.) Hodiaŭ ni volas daŭrigi nian rakonton kaj komuniki al vi la impresojn de la partoprenantoj. Do, bonvenon al ***Interkultura dialogo en Bulgarujo*** okaze de la sesa kaj plej freŝa AKEL-renkontiĝo en Polksi Trambesh en aprilo 2008.

La konduka temo de tiu ĉi interkultura interŝanĝo estis **"Unuiĝinta Eŭropo – egalaj rajtoj por la diversaj eŭropanoj. 2008 – jaro de la interkultura dialogo".** La programo inkluzivis priparoladon de la tri-jara internacia kunlaboro kadre de la projekto AKEL: belaj spertoj, konsideroj kaj kritikaj pensoj pri malfacilaĵoj en la realigado de la projekto. Dum unu semajno, de la 4-a ĝis la 11-a de aprilo 2008, la delegacioj el kvar eŭropaj landoj renkontiĝis en suna Bulgario. Kune kun la bulgaraj lernantoj kaj instruistoj de la ŝtata lernejo 'Canko Cerkovski' de Polski Trambesh, en la regiono Veliko Tarnovo, estis brita delegacio (6 studentoj kaj 2 geinstruistoj) de 'Sir Thomas Rich's School' de Gloucester, hispana delegacio (2 gelernantoj kaj 2 instruistinoj) de la mezlernejo 'IES Reyes Catolicos' de Ejea de los Caballeros (Zaragozo) kaj itala delegacio (6 gelernantoj, 3 instruistoj kaj 2 helpantoj) de la ŝtata mezlernejo 'C.Cavour' de Modeno. Renkontis la delegaciojn en Sofio – la ĉefurbo de Bulgario – instruistino de la lernejo 'Canko Cerkovski' el Polski Trambesh, s-ino Mariana Gencheva. Ŝi estas unu el la gvidantoj de la projekto AKEL.

La programo de la renkontiĝo, kiel ĉiam, estis abunda kaj interesa. La gastoj kune kun siaj bulgaraj amikoj trairis kelkajn urbojn de la

gastiganta lando, rigardis vidindaĵojn, vizitis muzeojn kaj amuziĝis. La itinero inkluzivis, krom Sofio, vizitadon de Plovdiv, Burgas, Nesebar, la monaĥejo Batchkovo kaj la vilaĝo-muzeo de Jeravna, Veliko Tarnovo.



*Ĉiuj grupoj de la projekto AKEL pozas antaŭ la arkelogia Muzeo de Polski Trambesh flanke de la amikoj esperantistaj de Plovdiv.*

Tiu kunveturado donis al la junaj geeŭropanoj kuntrenitaj en la projekto Akel la okazon konatiĝi kun la riĉa historia kaj kultura heredaĵo de Bulgario. La partoprenantoj ankaŭ estis akceptitaj per la mult-nombraj oficialaj reprezentantoj de la bulgara esperantista universo. Tiel, ekzemple, en Plovdiv ilin salutis la prezidantino Eva-Parashkeva Boyadzhieva kaj la plej eminentaj membroj de la loka Esperanto-Asocio 'Kulturo'. En Sofio AKEL-anoj renkontiĝis kun la Prezidanto de BEA (Bulgara Esperanto-Asocio), inĝeniero Petar Todorov. Intervjuo kun la gastoj estis montrita en loka televido.

Tamen la vera ĉefpunkto de la renkontiĝo, laŭ la opinioj de la partoprenantoj, estis la tagoj kiujn ili pasis en Polski Trambesh de la 8-a ĝis la 10-a de aprilo sub la ŝildo de amikeco kaj de kultura, socia kaj lingva interŝanĝo. Matene de la 9-a aprilo okazis la prezentado de la unuopaj konsideroj, pripensadoj kaj koncernaj proponoj pri la temo de la renkontiĝo. La kontribuo de ĉiu delegacio, pere de komputila lumbilda prezentado, ankoraŭfoje, evidentigis la saman opinion pri iu institucia Eŭropo kiu devas promocii valorojn kiel la socian kaj ekonomian koherecon, solidarecon, demokratecon, rajtojn de la civitanoj, afirmon de

la homaj rajtoj de ĉiuj, valorigon kaj civilan kunvivadon de ĉiuj identecoj. Ĉiukaze, la Ĉarto de la fundamentaj rajtoj de Eŭropa Unio (EU) favore de siaj civitanoj, unu el la ideaj kaj leĝaj iloj kiujn EU fiksis por atingi efike siajn kulturajn kaj sociajn celojn, devas superi ankoraŭ, por realigi efektive la principojn kaj la vortigitajn rajtojn, kelkajn decidajn nodojn. Unu el ili estas tiu koncernanta la lingvajn barilojn kiuj malpermesas la renkontiĝon kaj la komprenon inter la homoj. Do, ĉi-flanke la projekto AKEL subtenas la kunpartoprenitan adopton de la neŭtrala lingvo Esperanto kiu estis konkrete utiligita dum ĉiuj renkontiĝoj ĝis nun realigitaj. Nur la utiligo de iu sama lingvo kreos en la individuoj senton de egaleco kaj de egalaj ŝancoj, komencante de tiuj plej gravaj, la rajto paroli kaj komuniki siajn ideojn, kaj per la gepatra lingvo kaj per la neŭtrala lingvo. Tio ĉi kuraĝigos la eŭropajn gejunulojn ekkompreni, ke la streĉo komuniki de iu por iri renkonte al aliulo estas jam signo de akcepto kaj de respekto de la diverseco, do, simbolo de toleremo. En la komunaj intencoj de la malsamaj grupoj, la konkreta respekto de la homaj rajtoj en EU kaj la neceso antaŭenpuŝi la edukadon, la konsciiĝon kaj la respekton de la rajtoj de infanoj kaj plenkreskuloj estos certe la 'subtena kerno' de la projekta itinero por evolui kaj daŭrigi laŭ la tempo la projekton AKEL mem: ***la interkultura kaj multlingva dialogo*** kaj la rajtoj de la gejunuloj en Eŭropo kaj en la Mondo.




***Nia rubriko aliĝas al tiuj bonegaj vortoj kaj dankas pro la senditaj materialoj samideanojn Ermanno Tarracchini kaj Mariana Gencheva.***

# Bonvolu doni al mi... ion bongustan!

Jen teatraĵeto – fakte ĝi estas skeĉo – kun tri scenoj. Ĝi estas mallonga kaj ĝia lingvaĵo estas simpla. Facile vi povos aktori ĝin en eta grupo. Vi bezonas sep rolulojn. La teatraĵo okazas en lernejo pri etiketo. Tie la studentoj lernas kiel esti afablaj kaj ĝentilaj. Hodiaŭ la studentoj sidas ĉe manĝo-tablo en la lerneja manĝejo. Ili havas verajn manĝaĵojn, kaj la leciono estas pri afabla petado. Ilia instruisto gvidas la lecionon.

## *Sceno unu*

**Instruisto:** Nun, Suzana, via vico. Kion vi deziras?
**Suzana:** Mi deziras pan-tranĉon.
**Instruisto:** Bone, la pano estas apud Petro. Kion vi diros?
**Suzana:** Pardonu, Petro, bonvolu doni al mi panon.
**Instruisto:** Bonege! Nun, Petro. Kiel vi respondos?
**Petro:** Certe Suzana, ĉu mi donu pan-tranĉon aŭ la tutan korbon?
**Suzana:** La tutan korbon, mi petas.
**Petro:** Jen *(li ofertas la korbon).* Bonvolu!
**Suzana:** Mi prenos du tranĉojn, por ne ĝeni vin denove. Dankon!
**Petro:** Ne dankinde!
**Instruisto:** Perfekte! Vi afable petis panon kaj Petro afable donis ĝin.


Pano kaj pan-tranĉoj en pan-korbo

## *Sceno du*

**Instruisto:** Nun, Johano, via vico. Kion vi deziras?
**Johano:** Mi deziras kukojn, ĉar mi jam fin-manĝis mian panon.
**Instuisto:** Bone, la kukoj estas apud Kristina. Kion vi diros?
**Johano:** Hej, knabino. Kukojn! Mi ankoraŭ malsatas!
**Kristina:** Hmmmf. Ĉu vi parolas al mi?
**Instruisto:** Johano, vi ne tre afable petis. Provu denove.
**Johano:** Kara Kristina, ĉu vi afable konsentos doni al mi la kukojn?
**Kristina:** Jen ili, sur telero. Bonvolu.
**Johano:** Mi prenos dek kukojn, por ne ĝeni vin denove. Dankon!
**Instruisto:** Hmmm. Principe tio estas afabla ideo... sed, ĉu vere?


Kukoj sur telero

***Sceno tri***

**Instruisto:** Nun, Karlo, via vico. Kion vi deziras?

**Karlo:** Saŭcon! *(Sen plion diri, li etendas la brakon, puŝas sian vojon preter Betsi, kiu sidas apude, kaj tiras la saŭcon al si. Li faras tion tiom energie, ke survoje, iom da saŭco flugas el la saŭcujo kaj makulas la bluzon de Betsi.)*

**Betsi:** Hej! bestaĉo! Vi malpurigis mian bluzon!

**Instruisto:** Karlo! Kion vi imagas? Tio estis tre malafabla.

**Karlo:** Mi volis saŭcon!

**Betsi:** Kaj mi ne.

**Instruisto:** Karlo. Vi havas langon. La saŭco ne estis apud vi, ĝi estis apud Betsi. Kial vi ne uzis vian langon?

**Karlo:** Ĉar mia brako estas pli longa!




**Vortklarigoj**

*skeĉo:* mallonga amuza teatraĵo
*sceno:* parto de teatraĵo
*oferti:* proponi
*ĝeni:* kaŭzi malagrablaĵon al iu
*principe:* teorie, laŭ principo aŭ ideo
*etendi brakon:* streĉi kaj longigi brakon por atingi foran objekton
*makuli ion:* kaŭzi ke io ricevu malpuraĵon.
*saŭco:* densa likvaĵo aldonebla al manĝaĵo.
*bluzo:* ĉemizo por virino aŭ knabino
*aktori;* preni rolon en teatraĵo; ekesti rolulo.
*etiketo:* studo prii afableco kaj bona konduto

**D**iru la nomojn de la objektoj aŭ lokoj kiujn ni priskribas en la subaj frazoj. La respondoj finiĝos per la sufikso **-ujo** (objekto kiu entenas ion) aŭ **-ejo** (loko):

1. Skatolo aŭ kesto en kiu oni konservas kukojn.
2. Loko kie studentoj venas por partopreni en lecionoj kaj fariĝi pli saĝaj.
3. Granda blanka ŝranko kiu estas malvarma interne, tiel ke restas freŝaj la manĝaĵoj, kiujn oni enmetas.
4. Loko, kie oni bakas panon aŭ kukojn.
5. Arbo kiu havas multajn pomojn – aŭ bovlo por poste teni ilin.
6. Loko kie oni preparas manĝojn.
7. Skatolo aŭ teko en kiu oni tenas krajonojn.
8. Korbo aŭ skatolo aŭ kesto en kiu oni konservas panon.
9. Loko kie oni manĝas.

Skribu la komencliterojn de viaj respondoj laŭ la donita ordo en la sekva frazo por kompletigi ĝin, kaj scii kion la studentoj lernas fari:

__IE__ A__A__LE __ETI __U__OJN __OR __ANĜI.

# vikio kvizo




Vikio-kvizo rilatas al Vikipedio. Tio estas la esperanta versio de la monde fama reta enciklopedio *Wikipedia.* Ĝiaj artikoloj estas verkitaj de homoj el la tuta mondo.

Aliaj personoj kontrolas la faktojn; ili bonigas la tekstojn kaj aldonas bildojn. Kun 101 957 artikoloj (en julio 2008) la verko en Esperanto okupas la dudekan lokon el ĉiuj lingvoj, laŭ la nombro de artikoloj. La vikipedion prezentis artikolo de Neringa Zasaitė en *Juna amiko* 2007/3 sur paĝo 45. Relegu ĝin, aŭ vizitu la verkegon ĉe <eo.wikipedia.org>. Aŭ serĉu <Vikipedio> en Guglo (Google) por vidi vidbendon pri Vikipedio en ViTub (YouTube) aŭ legi kiel kontribui artikolojn aŭ bildojn aŭ komentojn al la paĝaro.

Por helpi al vi konatiĝi kun la vikipedio, ni pretigis kvizon, kies respondojn vi povas mem kontroli per via komputilo, se ĝi havas ret-konekton. Iru al la ĉefa paĝo kaj serĉu la titolon de la demando. Ni aperigos nian kvizon ankaŭ en <lernu.net> kiel PDF, por ke vi klaku la ligojn por tuj salti al la artikoloj.

*Bonan krozadon!*



**1. BIRDOJ: http://eo.wikipedia.org/wiki/Birdo**

1. Nomu birdojn, kiuj ne povas flugi.
2. Nomu tre malgrandan birdon.
3. Nomu tre grandan birdon.
4. La scienco kun studas birdojn nomiĝas:
   1) Ornitorinko
   2) Ornitologio
   3) Etimologio
   4) Entomologio

**2. DIAN FOSSEY: http://eo.wikipedia.org/wiki/Dian_Fossey**

1. Kiujn bestojn ŝi studis? Kiuj minacis tiujn bestojn?
2. En kiu lando ŝi establis esplor-centron Karisoke?
3. Kiel titoliĝis ŝia libro, sur kiu poste filmo kun la sama nomo estis bazita?
4. Kiu ludis la rolon de Dian en tiu filmo?

### 3. STEL-MILITOJ: **http://eo.wikipedia.org/wiki/Star_Wars**

Parigu la rolulojn kun la priskriboj:

| | |
|---|---|
| 1. R2D2 | A: Alta ora servo-roboto kiu parolas elegante kaj senĉese. |
| 2. C-3PO | B: Reĝino de Naboo, poste senatanino. |
| 3. Chewbacca | C: Eta sed tre potenca Ĵedia Kavaliro. |
| 4. Padme | Ĉ: Kompakta roboto kiu parolas per pepoj. |
| 5. Joda | D: Gorilo-simila piloto. |



### 4. La Mastro de la Ringoj (film-serio)

1. Kiu verkis la librojn laŭ kiuj estis faritaj la filmoj?
2. Kiu reĝisoris la filmo-triopon?
3. En kiu lando oni filmis kaj pretigis la filmojn?
3. Kiom da Oskar-premioj gajnis la filmoj?
4. Kiom kostis produkti ilin, kaj kiom oni enspezis?

### 5. Uraganoj:
**http //eo.wikipedia.org/wiki/Uragano**

1. Kie naskiĝas uraganoj?
2. Kio estas la deveno de la vorto 'uragano'?
3. Averaĝe, kiom da uraganoj formiĝas ĉiujare?
4. La ventoj de uraganoj ricevas kiun gradon, laŭ la skalo de Boforto?



### 6. Planedoj: **http://eo.wikipedia.org/wiki/Planedo**

1. Nomu la planedojn kaj ordigu ilin laŭ grandeco.
2. Ordigu ilin laŭ distanco de la suno.
3. Ordigu ilin laŭ la nombro de lunoj.
4. Ordigu ilin laŭ beleco (viaopinie!).



### 7. Ŝako

1. En kiuj landoj oni ludis tabul-ludojn el kiuj evoluis ŝako?
2. Kiom da kvadratoj estas sur ŝaktabulo kaj en kiu aranĝo?
3. Kiu peco estas la plej potenca; kiuj la plej malpotencaj?
4. Kion oni devas fari por gajni ŝakludon? Kiel oni nomas tion?

### 8. Vulkanoj **http://eo.wikipedia.org/wiki/Vulkano**

1. Kie okazis granda vulkana eksplodo en 1980? Kaj en 1883?
2. De kie venas la vorto 'vulkano'?
3. Kiel nomiĝas la plej aktiva vulkano en Eŭropo, kaj en kiu lando kaj insulo ĝi troviĝas?
4. Kie troviĝas glaciaj vulkanoj?
5. Kial vi verŝajne neniam vidos glacian vulkanon?

## 9. Fervojo

1. Kio estas drezino kaj ĉu vi ŝatus veturi per ĝi?
2. Kion signifas 'Ŝinkansen'? Kio kaj kie ĝi estas?
3. Kio estas maglevo? Kie eblas veturi per ĝi?
4. Kio estas IFEF? Kiu fondis ĝin, kiam, kaj kion ĝi faras?



## 10. Leĝo de Murphy

Kiu el la sekvaj estas la konciza versio de la originala Leĝo de Murphy?

a) Ĉe ŝlosilringo ĉiam funkcias nur la lasta ŝlosilo.
b) La alia vico mallongiĝas ĉiam pli rapide.
c) Se io povas misiri, ĝi misiros.
ĉ) Maŝino, kiu paneis, tuj funkcios senprobleme, kiam venas la riparisto.
d) La probableco, ke buterumita pan-tranĉo falos suben kun la marmelada flanko sube estas en rekta proporcio kun la kosto de la tapiŝo.

## 11. Ĉomolungo

1. Kio estas Ĉomolungo kaj kiu estas alia nomo por ĝi?
2. Inter kiuj du landoj ĝi troviĝas?
3. Kiuj unue konkeris ĝin,en kiu jaro? De kiuj landoj ili venis?
4. Kiu estis la unua virino konkeri ĝin? Kiam? De kiu lando ŝi venis?
5. Kiu verkis libron en 1959 kiu mencias ĝin? Kiu estas ĝia titolo?

*Nur unu respondo ne estos trovebla en la vikipedio. Kiun? Kial pri tio ne troveblos respondo?*

## 12. La Eŭska lingvo

1. Kie oni parolas tiun lingvon?
2. Al kiu lingvo-familio ĝi apartenas?
3. Kie aperis la unua eŭsk-lingva ĵurnalo?
4. Kiam aperis la unuigita formo de la lingvo; kiel oni moke nomas ĝin?
5. Kiu el la sekvaj ne estas vera?
   a) La kalkul-sistemo baziĝas sur 20, ne 10.
   b) La preferata vortordo en frazo estas: verbo, objekto, subjekto.
   c) Dudek naŭ en la eŭska estas: hogeita bederatzi
   ĉ) La eŭskaj vokaloj estas samaj kiel en Esperanto, kun la sama prononcado.
   d) La Esperanta vorto 'bizara' devenas de la eŭska vorto por 'barbo'.

**Kalkulu viajn poentojn el 50! Skribu tion ĉi tie: Obligu per du por trovi vian elcentan atingon!** [ ] x2 = [ ] %

# Raĥel, la poetino

En la jaro 2003, Israelo perdis unu el siaj filoj, Ilan Ramon, la unua israela astronaŭto, kiu atingis la kosmon. Ramon, talenta piloto en la israela aer-forto, estis stabano de la usona kosmo-ŝipo Columbia, kiu plenumis diversajn sciencajn eksperimentojn. Dum la reveno al la tero, ĉiuj sep stabanoj pereis pro la eksplodo de la kosmo-ŝipo.

En la kosmo, oni povis vidi la astronaŭtojn (dank' al persatelita kontakto) gaje konversacii kun siaj familianoj. Rona, la edzino de Ramon, aŭdigis al li la amatan kanton de la israela poetino Raĥel: *Ĉu vi aŭdas mian voĉon, mia malproksimulo?* Malproksimega li ja estis, sed sur la ekrano de la televido, li, aŭskultanta la kanton, aspektis pli proksima ol iam ajn.

Tiu, kiu verkis la kanton (en la jaro 1923), estis **Raĥel Blovŝtein** (kromnome: Raĥel, la poetino), la neoficiala nacia poetino de Israelo apud la oficiala nacia poeto *Bjalik.*

Ne multaj scias, ke tiu fama poetino estis ankaŭ esperantistino! Krome, ĝuste tiu kanto, aŭdigita al Ramon, *Ĉu vi aŭdas mian voĉon,* estis adresita de Raĥel (en la hebrea) al ŝia esperantista amanto, ŝia dumviva amo, Miĥael Bernŝtejn. En leteroj, malkovritaj antaŭ nelonge, kaj skribitaj de tiu amanto, li skribas en la rusa aŭ franca, sed multloke uzas esperantajn vortojn kiel "mia karino". Pluraj leteroj estas komplete en E-o. La leteroj de Raĥel, senditaj al li el Palestino al Rusio neniam estis trovitaj, sed la alta Esperanta lingvaĵo en la leteroj de Miĥael al ŝi, montras evidente, ke Raĥel estis pli ol komencantino en Esperanto.

Raĥel naskiĝis en Rusio en 1890. En 1909 unuafoje ŝi venis al Palestino, studis agrikulturon kaj laboris en la kibuco Kineret ĉe la Tiberiada Lago, kiun ŝi adore amis. Ekde 1913 ŝi studis agronomion en Francio, kaj poste revenis al Rusio, kie ŝi laboris kun milit-orfaj infanoj, kaj verŝajne dum tiu laboro ŝi infektiĝis je tuberkulozo. En 1920 ŝi revenis al la kibuco ĉe la amata lago, kaj kultivis la teron. Post kelkaj jaroj ŝia malsano komencis manifestiĝi, kaj la kibucanoj forpelis ŝin el la kibuco pro timo infektiĝi. Ŝi vivadis vagante tra Tel-Avivo, Cfat kaj Jerusalemo, kie ŝi priploris en poemoj sopirojn al la lago kaj trankvila terkultivado. En 1931 ŝi mortis 41 jara, sola, malsana, malforta kaj amsoifa.

Raĥel konatiĝis kun Miĥael en Francio. Li naskiĝis en Rusio kaj studis



en Toulouse por fariĝi elektro-inĝeniero. Ili vivis en la sama loĝejo, kaj multe promenis tra la urbo. Raĥel estis ravita de lia neordinara karaktero. Miĥael estis inteligenta, ege introvertita kaj sentema kiel Raĥel, sed por defendi sin kaj ne elmontri sian grandan sentemon, li starigis "vitran muron" inter si kaj la vivo. Nur Raĥel sukcesis trarompi tiun muron, kaj tial ilia kontakto estis grand-signifa por li. Kiam ŝi estis revenonta Palestinon, li provis honteme influi ŝin resti.

Miĥael ne postsekvis Raĥel al Palestino, sed ili interŝanĝadis leterojn, kaj Raĥel verkadis al li poemojn, kiuj rilatas al la leteroj kaj al ŝiaj sopiroj pri li.

La poemo *Ĉu vi aŭdas mian voĉon*, unu el ŝiaj plej popularaj poemoj, plenumata de multaj kantistoj, estis verkita ne longe antaŭ ŝia morto. Ŝi esprimas en ĝi eternecon de ŝia ligo, trans distanco kaj tempo, al tiu, kiu troviĝas for:

*Ĉu vi aŭdas mian voĉon, mia malproksimulo*
*ĉu vi aŭdas ĝin kie ajn vi estas –*
*voĉo forte vokas, voĉ' mallaŭte ploras*
*kaj trans la tempo heredigas benon...*

*Mia lasta tago estas eble proksima*
*jam proksimas la tago de l' adiaŭaj larmoj.*
*Mi atendos vin ĝis estingiĝos mia vivo...*

Rekta, simpla kaj ĉiam sentema ŝi estas en siaj poemoj, kies freŝecon la tempo ne malfortigis. Kvankam ŝia lingvostilo estas biblia kaj altnivela, ŝiajn poemojn karakterizas koncizeco kaj klareco kaj oni povas diri, ke "ili venas el koro kaj eniras la koron".

Du el ŝiaj poemoj oni konideras kiel mejlo-ŝtonojn en la hebrea poezio. La unua, *Al mia lando*, verkita en la jaro 1926, esprimas senfinan amon kaj korinklinon de Raĥel al la israela lando:

*Mi ne kantadis pri vi, ho, land',*
*kaj ne laŭdadis vin,*
*per sagaoj de braveco, per bukedoj de bataloj;*
*nur arbon – plantis miaj manoj,*
*la bordoj de l' Jordano kalmas.*
*Nur padon – konkeris miaj piedoj*
*sur kampoj.*
*Jes, tre magra –*
*scias mi, patrino,*
*ja tre magra*

*estas la ofero de via filin';*
*nur voĉo de la fanfaro de ĝojo*
*je la tago kiam la lumo ellumos,*
*nur ploro en sekretejo,*
*pri via malriĉec'.*

La dua poemo, *Sterilulino*, verkita en jaro 1928, esprimas malĝojon kaj doloron de la poetino pro ŝia neebleco naski filon:

*Filon – se nur mi havus!*
*Eta infano.*
*Kun nigraj bukloj kaj saĝa.*
*Teni lian manon kaj pasumi lante*
*en la vojetoj de la ĝardeno,*
*eta infano.*

*"Uri" – mi nomos lin.*
*Uri mia. Milda kaj klara*
*estas la nomo kurta.*
*Ereto de lumo*
*al mia knabo nigreta*
*"Uri" – mi vokos.*

*Mi ankoraŭ amare plendos*
*kiel Raĥel, la prapatrino.*
*Mi ankoraŭ preĝados,*
*kiel Hana la senfilulin'.*
*Mi ankoraŭ atendos lin.*

Kompilis: ***Gian Piero Savio***. La israela esperantisto *Doron Modan* elhebreigis la poemojn (por la poemo *Al mia lando* li ankaŭ komponis muzikon), esploris la rilatojn de Raĥel al Esperanto kaj multe helpis en la preparado de la artikolo. Dankon!

*bukedo:* aro da ...*l esprimi:* sentigi / *estingi:* ĉesigi / *eterna:* senfina / *fanfaro:* gaja pasaĵo /*Hana:* duon-patrino de la profeto Samuelo / *inklino:* emo al ... / *introvertita:* emo senti sin pli bone sola / *kalma:* senmova / *kibuco:* kooperativa vilaĝo en Israelo / *kurta:* mallonga / *lante:* malrapide / *magra:* eta / *mejloŝtono:* apudvoja distanc-montrilo / *milda:* malakra / *Palestino:* lando kie troviĝas nun Israelo kaj palestina aŭtoritato / *Raĥel:* edzino de Jakobo kaj duon-patrino de Izako / *sagao:* longa rakonto / *sopiro:* malĝojo pro manko, granda deziro al ... / *stabo:* profesia grupo / *sterila:* ne kapabla naski.

## SOLVO de la antaŭa n-ro (aprilo 2008), p. 12.

1. Mi estas ...
2. Ekzemple: fiŝo, pizo, ŝinko, kolbaso, lakto, melono, gulaŝo, torto, saŭcoj
3. Ĉu **skribi** aŭ diri? **Skribu** la vortojn sinsekve! **Skribante** la leteron, por momento li forgesis pri ĉio.
4. ŝarĝvagono: vagono por ŝarĝoj; vagonŝarĝo: ŝarĝo de / en la vagono
5. ... hejmen je la 6a horo per tramo. ... de mateno ĝis vespero mi laboras tie.
6. Romo – roko
7. Antaŭ **ol**, **pri** edukado **de** infanoj
8. **homaro**, nomaro, domaro...
9. Interreta enciklopedio redaktata de la uzantoj

La plej bonajn solvojn sendis: *Monika Drahotová, CZ; E.E.Popoviciu, RO; Milada Kolářová, CZ; Miranda, SE.*

## *Karaj kvizemuloj,*

*en tiu ĉi jaro ni organizas la kvizo-ludon iom ali-maniere. Ĉar la tempo inter la unuopaj numeroj estas longa, kaj ĉar multaj el vi ŝatas solvi enigmojn, mi dissendas al ĉiu, kiu sendis solvon, kromajn taskojn laŭ aparta peto. Tiamaniere vi povos akiri plusajn poentojn. Krom tio, ni deziras havi kontakton kun vi. Nia revuo ja volas ne nur amuzi, sed ankaŭ helpi, pli-bonigi vian lingvo-scion. Kaj nia kvizo certe helpas. Do, de multaj gelernantoj mi atendas la solvojn de la subaj tasketoj.* *Dieter Berndt, adresoj sube*

# KVIZO-LUDO

**Prizorganto de la rubriko: *Dieter Berndt*, Germanio**

**N-ro 2** (Limdato: 01-11-2008)

| | |
|---|---|
| 1 | Kie vi loĝas? Prezentu la lokon per kelkaj frazoj. |
| 2 | Korektu: *Mia amiko skribas, ke li venas sabato je la 6-an horo. Li ne havas tiom libroj, kiel sia frato. Nia grupano festas morgaŭ lian 25-jaran jubileo.* |
| 3 | Klarigu la diferencon: *Li legis sian libron* kaj *Li legis lian libron*. |
| 4 | Kiuj el ili ne estas fiaj? *Fiago, fiakro, fido, figuro, fiulo* (Saliko, FI) |
| 5 | Skribu frazojn kun jenaj tabel-vortoj: *iam, tie, iel, neniu* . |
| 6 | Uzu la taŭgan birdo-nomon en la proverboj. *Unu* birdo *printempon ne alportas. Pri tio jam ĉiuj* birdoj *babilas.* Birdo *al* birdo *okulon ne pikas.* (A. Kronshage, GE) |
| 7 | Formu tri frazojn. Ĉiu enhavu jenajn tri vortojn: *rigardi, vespero, ĉevalo.* |
| 8 | Kun **u** la polic' esploras pri ĝi – Kun **a** ĉiu-semajne estas ĝi. |
| 9 | *Amsterdam, Bologna, Edinburgh, Tokio, Vankouver.* Kiu el tiuj urboj diferencas de la ceteraj kvar? Kial? |
| 10 | Faru vi mem demandon, kiu povos aperi en iu sekva numero. Ne forgesu skribi vian nomon kaj landon. |

La solvojn sendu rete aŭ papere al s-ro *Dieter Berndt* (*esperanto-berndt@web.de* / Berolinastr. 2, D-10178 Berlina, Germanio). Por vidi viajn poentojn post la limdato, vizitu nian hejmpaĝon: *www.junaamiko.inf.hu* .

**Testo** (p.49) (1) *lian*, (2) *sia*, (3) *lia*, (4) *lian*, (5) *li*, (6) *sia*, (7) *liaj*, (8) *Liaj*, (9) *Ĝi*, (10) *ili*, (11) *ĝin*, (12) *ĝian*, (13) *si*, (14) *ili*, (15) *Ili*, (16) *si*, (17) *sin*, (18) *ilin*, (19) *ŝi*, (20) *ŝi*, (21) *ilin*

# Ĉinio, lando mult-lingva

**Wu Guojiang**



Lingvo estas grava bazo apartigi malsamajn etnojn, naciojn. Ĉinio entute havas 56 etnojn. Kiom da lingvoj ekzistas en Ĉinio? El la koncernaj materialoj montriĝas, ke en Ĉinio estas paolataj pli ol 80 lingvoj, 61 el tiuj lingvoj estas provizore konsiderataj kiel ĉefaj lingvoj, sed la libro Lingvoj de Ĉinio mencias, ke 56 etnoj de Ĉinio uzas entute 130 lingvojn. Estas do malfacile klare difini la nombron de la lingvoj en Ĉinio, sed estas certe, ke la ekzistantaj lingvoj estas dividitaj en kvin grandajn lingvo-familiojn, nome: Han-tibetan, Altajan , Hindeŭropan, Sud-insulan kaj Sud-azian familiojn. 85 procentoj de tiuj lingvoj havas siajn dialektojn. La Han-grupo formas la plej grandan parton de la landego, ĝi okupas 91.41 procentojn de la tuta loĝantaro de Ĉinio. La Han-lingvo estas komuna lingvo de Han-etno kaj la lingvo plej multe uzata en Ĉinio kaj en la mondo. Ĝi estas unu el la ses laboraj lingvoj en la Unuiĝintaj Nacioj.

Konsiderante la ekziston de multaj lingvoj kaj nefacilecon de komunikado inter diversaj etnoj, la registaro de Ĉinio siaflanke disvastigas Putonghuon en la tuta lando. Putonghuo estas ne nur la norma kaj komuna lingvo de la Han-etno, sed ankaŭ la komuna lingvo de la tuta ĉina nacio. Ĝi formiĝas surbaze de la norda dialekto kaj prenas la Pekinan variaĵon kiel la norman elparolan lingvon.

Leĝo de la Ĉina Popola Respubliko pri la norma elparola kaj skriba ĉina lingvo, publikigita en 2000, determinas, ke la normigita Han-ideografiaĵo estas la norma ideografiaĵo de Ĉinio. Laŭ enketo pri la uzado de idegrafiaĵoj de ĉinaj lingvoj, farita en la jaro 2004, 53.06 procentoj de loĝantaro povas reciproke interkomunikiĝi per Putonghuo, 86.38 procentoj de loĝantaro per Han-lingvo, 5.46 procentoj per lingvoj de naci-malplimultoj.

95.25 procentoj de la loĝantaro povas skribi per normaj idegrafiaĵoj, 68.32 procentoj posedas la ĉinan (Han-lingvan) fonetikan alfabeton. Indas mencii, ke tiu enketo ne en-havas Hongkongon, Makaon kaj Tajvanon.

# La bapto-patro de „Granda Frato"



La verkisto, de kiu venas la esprimo „Granda Frato", naskiĝis en la jaro 1903, en Hindio. Lia vera nomo estis *Eric Arthur Blair*. En Hindio li vivis nur unu jaron, poste kune kun sia patrino kaj du fratinoj li translokiĝis en Anglion. Kiam li finis siajn studojn, li laboris kiel policisto en Burmo, sed tiu laboro ne plaĉis al li, li revenis do en Anglion kaj decidis fariĝi verkisto. Sed en la tempo de la granda ekonomia krizo li ne povis daŭre labori, li devis eĉ almoz-peti. Pri tiu tempo rakontas lia romano „Vagabondo en Parizo kaj Londono". Tiam li komencis uzi la kaŝ-nomon: *George Orwell.*

Pro sia maltrankvila karaktero li senĉese vagadis. En Norda Anglio li observis senlaborecon, la viv-kondiĉojn de malriĉaj ministoj. Li partoprenis en la hispana (civitana) milito, kie li grave vundiĝis. Post la resaniĝo li laboris ĉe la Radio BBC kaj poste fariĝis redaktoro de *Tribune*.




En la jaro 1945 li komencis verki sian mondfaman romanon „La besto-farmo". Ĝi temas pri brita farmo, kie la bestoj sub direktado de porkoj venkas la Homon. Fama frap-frazo el la verko: *„Ĉiuj bestoj estas egalaj, sed ekzistas iuj, kiuj estas pli egalaj".*

En la sekva jaro li komencis labori super sia plej konata romano *„1984"*. La eventoj de la verko okazas en la estonteco, sed li uzis plurajn simbolojn de sia epoko. En la beletro unuan fojon li prezentis la kruelecon ne nur de naziismo sed ankaŭ tiun de stalinismo.

*Elizabeta Rajtmar*

*beletro:* belliteraturo / *ekonomio:* sistema kaj ŝparema mastrumado / *farmi:* lu-preni bienon / *krizo:* grava, danĝera stato / *nazio:* sekvanto de la ideoj de Hitler / *vagabondo:* senhava vagulo

Vladimir Opletajev

# Matrjoŝko – simbolo de Rusio

***Matrjoŝko – tradicia rusa oval-forma pupeto el ligno. Ĝi konsistas el du partoj kaj interne entenas pli kaj pli malgrandajn pupetojn.***

Al multaj ŝajnas, ke matrjoŝko devenas el tre foraj tempoj. Sed efektive ĝi havas nur iom pli ol cent jarojn. Mamontova, la mastrino de fama bieno en Abramcevo, dum sia vizito en Japanio, rimarkis originalan, muntebl-an figureton de budha sanktulo Fukumura, ĝoj-plena, gaja kaj saĝa oldulo. Ene de la figureto troviĝis ankoraŭ kelkaj similaj sed malpli grandaj objektoj. La japana ludilo tre plaĉis en Rusio ne nur al infanoj, sed ankaŭ al plen-kreskuloj kaj fariĝis modelo por la fama rusa matrjoŝko. Eble, ĉar ĝia ovala formo asociiĝis en nia lando al paskaj lignaj kunmeteblaj ovoj, tre popularaj tiu-tempe.

La unua matrjoŝko estis farita fine de la 19a jar-cento en la metiejo „Infana edukado" de A. Mamontov en Apud-Moskvo. Tiun ĉi lignan pupeton faris tornisto *Vasilij Zvjozdoĉkin*, kaj ĝi estis kolorigita laŭ la skizoj de konata pentristo *Sergej Malutin*. La unua matrjoŝko estis ok-objekta kaj imitis knabinon en sarafano kun kap-tuko kaj tenis en la mano nigran kokon. La frontan knabinon sekvis knabo, post kiu denove estis knabino, ktp. Ĉiuj figuroj diferencis inter si, kaj nur la oka, malpli granda



ol etfingro, prezentis vinditan bebon.

La nomo matrjoŝko revenas al malnova rusa virina nomo Matrjona kun karesa senco. Sed la vorto mem originas el la latina lingvo. En la antikva Romo ĝi personigis nobelan patrinon aŭ matur-aĝan, alte respektatan sinjorinon.

Dum la pasintaj cent jaroj la pupeto fariĝis rusa nacia memoraĵo, kiu simbolas gast-amon, amikemon, bonvolemon de la popolo. La rusa matrjoŝko unua-foje prezentis sin eksterlande en **1900**, en la Tut-monda ekspozicio en **Parizo**. Ĝi altiris ĉies atenton per sia neripetebla originaleco kaj ricevis medalon.

Nun-tempe en Rusio matrjoŝkoj estas fabrikataj en pluraj urboj. Por produkti ilin oni prenas alt-kvalitajn betulajn aŭ tiliajn ŝtipojn, al kiuj tornistoj donas tradician ovalan formon. Foje ili estas tre malgrandaj kaj nur unu-objektaj, sed foje oni povas vidi eĉ grandegulinojn kvindek-objektajn. Ankaŭ la pup-kolorigado povas esti simpla aŭ tre luksa. En la komenco de la 21a jarcento ĝi fariĝis nepra ĉe-estaĵo de ĉiu domo kaj loĝejo en Rusio.

Laŭ *Komencanto,* n-ro 1, 2008

*antikva:* pratempa / *asociiĝi:* ekhavi similecon / *betulo:* tipa rusa arbo kun blanka trunko / *ekspozicio:* publika elmontro, prezento / *fronta:* ekstera, ĉefa flanko / *medalo:* honoriga metala disketo / *modelo:* io, farita por esti imitata / *munti:* fikse kunmeti la partojn / *nobelo:* alt-rangulo / *olda:* maljuna / *origini:* deveni / *originalo:* ne kopio / *ovala:* ovo-forma / *sarafano:* virina vesto longa kaj senmanika / *skizo:* sendetala unua prova verko / *tilio:* arbo-speco / *torni:* rond-forme prilabori / *vindi:* ĉirkaŭvolvi suĉ-infanon per tuko.

## Frandaj esprimoj kun NAZO

**granda, hoka, kuspita, plata nazo**
*diversaj nazo-formoj*
**nazo ruĝe floranta de vino**
*oni diras tion pri nazo de ebriulo*
**iri laŭ sia nazo**
*iri laŭ sia instinkto*
**lia kompaso estas lia nazo**
*li havas bonan flar-senton*
**lia nazo al li ne plaĉas**
*li ne vekas en li simpation*
**foriri kun longa nazo**
*perdi esperojn pri io*
**vidi nur ĝis la pinto de sia nazo**
*ne kapabli antaŭvidi*
**konduki iun je lia nazo**
*estas facile superregi lin*
**ŝovi la nazon en fremdan vazon**
*scivoli pri ĉiuj detaloj de aliuloj*
**ne montri eĉ la pinton de sia nazo**
*montri nenian interesiĝon*
**kuntiri la nazon**
*esprimi sian malkonsenton*
**fari longan nazon**
*esprimi malĝojon, perdi esperon*
**doni al iu frapeton sur la nazon**
*riproĉi iun pro malbon-faro*
**ricevi nazo-frapon**
*ricevi riproĉon pro misfaro*
**Ne timu, oni ne demordos al vi la nazon!**
*Estu kuraĝa, okazos al vi nenio danĝera.*

Árpád Rátkai

⑧

# Bildoj el la historio de ESPERANTO

## VIII. Celo kaj ekorganizo

Ĉefa tasko de la internaci-lingva movado estis la lingvigo de la projekto. La movado de Volapuko fiaskis ĉe la lingvigo kaj disfalis, kvankam pluraj ĝiaj adeptoj aliĝis al la naskiĝanta Esperanto-movado.

*Oni povus diri, ke same kiel kristanismo elkreskis el greklingvaj sinagogoj, tiel Esperanto enplantiĝis en volapukistajn rondojn, kaj tie ekfloris* – kiel trafe resumis la esperantologo *Gaston Waringhien* la okazintaĵojn post 1887. Do la internacilingva movado havas sian kontinuecon ekde 1879, sed ŝanĝis sian lingvo(projekto)n de Volapuko al Lingvo Internacia en la jaro 1887. Multaj volapukistoj kaj ankaŭ kelkaj kluboj kaj revuoj ŝanĝis la lingvo(projekto)n.

La vorto Esperanto spontane aperis kiel sinonimo de Lingvo Internacia. Oni nomis esperantistoj tiujn, kiuj aplikis ĝin. Lazar Markoviĉ Zamenhof iniciatis ne nur la lingvon sed ankaŭ la movadon por ĝi. Li eldonis adresarojn, surbaze de kiuj ekde 1887 spontane estiĝis internacia reto de esperantistoj, kiu sukcese lingvigis la projekton. Dum kaj post sukcesa kreo de la Lingvo Internacia sekvis ties disvastigado kaj aplikado.

**Kio estas la celo de la internacilingva movado ?** „*Celon ni ĉiuj havas unu kaj klaran: ke la nombro de l' amikoj de l' lingvo internacia*, **la nombro de l' personoj uzantaj tiun lingvon kaj laborantaj por ĝi - konstante kresku, kaj ke la lingvo mem ĉiam pli riĉiĝu.**" – formulis la plej koncizan respondon Zamenhof en la jaro 1888. Ekde tiam tiun celon konsideras valida preskaŭ ĉiuj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj de la mondo.

Samtempe Zamenhof difinis ankaŭ la finan celon de la movado, t. e. ke la plimulto de la homaro parolu tiun lingvon, kion li nomis tutmondiĝo de la lingvo. Kiam la movado atingos tiun celon? En 1888 li supozis tion „post la plej mallonga tempo". Sed dek jarojn poste li jam konsideris la aferon iom pli realisme, supozante ke „la plimulto de ni ne ĝisvivos tiun momenton".

Kiel la movado atingos tiun celon? Zamenhof alfrontis la problemon kun naiveco de maltalento pri organizado. Multaj aliaj esperantistoj preferis fari konkretajn paŝojn. Ili organizis lokajn, kaj ekde 1898 ankaŭ landajn societojn ĝis, fine en 1908, estiĝis monda societo: **Universala Esperanto-**




**Asocio**, ekzistanta eĉ hodiaŭ, fondita de juna sviso *Hector Hodler* (1887-1920). La sidejo de UEA komence kaj en la intermilita periodo estis en *Ĝenevo* (Svislando). La historio de UEA tamen estas pli komplika, ja pro movadaj kaj juraj problemoj plejparton de ĝiaj taskoj en 1936 transprenis Internacia Esperanto-Ligo kun sidejo en apud-londona vilaĝo Heronsgate. Sekvis periodo de organiza dueco UEA-IEL, kaj en 1947 oni restarigis la unuecan UEA kun la sidejo en *Heronsgate* (de 1950 parto de Granda Londono). Nur de la jaro 1955 UEA havas la nunan sidejon en Roterdamo.

UEA fondiĝis kiel servocentro de siaj individuaj membroj, ja ĝi longe konsistis nur el tiuj. Pri pli larĝa organiza sistemo daŭre regis malakordo. Pli grava estis la influo de la ekstermovadaj faktoroj. En la unua duono de la dudeka jarcento la homaro forte dividiĝis socie. Simile al aliaj kulturaj movadoj ankaŭ la internacilingva organizo dividiĝis je „burĝa" kaj „laborista" (socialdemokrata) flankoj, kaj en lokaj kaj en landaj niveloj. Antaŭ la unua mondmilito la diversaj Esperanto-organizaĵoj pace kunlaboris, ne atakis unu la alian.

Sed ekde 1907 disvastiĝis la t. n. Ido-krizo. En la sekva jardeko idistoj atakis esperantistojn kaj inverse. Poste al tiu prilingva batalo aldoniĝis aliaj dividaj faktoroj. Sekve de la unua mondmilito akriĝis la sociaj kaj politikaj antagonismoj, kaj granda parto de la esperantistoj estis membro en politike motivitaj Esperanto-organizaĵoj kiuj malamike rilatis al aliaj. Pro tiuj kialoj la komuna celo de la internacilingva movado iom paliĝis.

*Daŭrigo sekvos en decembro*

## ANEKDOTO



La nazego de la franca verkisto ***Cyrano de Bergerac*** ofte kaŭzis ĝenajn situaciojn. Iam li estis invitita al masko-balo ĉe pariza nobelulo, kie nur la virinoj estu maskitaj, la viroj ne. En la vestiblo pedelo kontrolis, ke la viroj estu senmaskaj. Al Cyrano la pedelo diris: Demetu vian nazon!

Cyrano, kolera, ekkriis: Uzu viajn okulojn!

Jes, sed vi devas demeti tiun kartonaĵon, insistis la pedelo. Poste li metis sian manon sur la nazon de Cyrano kaj provis forpreni ĝin. Ege li surpriziĝis, kiam li rimarkis, ke la nazego estas vera. Li ekhontis kaj konfuziĝis pro sia eraro.

Mi mil-foje pardonpetas, li balbutis, mi ne povis imagi, ke iu homo havas tian nazegon. Bonvolu eniri!

*Saliko*

# Konversaciaj temoj

help-materialo por ekzamenotoj

Rubrikestro: Judit Felszeghy

## I. Kie vi lernas?

– Kie vi lernas Esperanton, Linda?
– En nia lernejo, pasint-jare eblis aliĝi al Esperanto-kurso, kaj nun dekduope ni povas ĝin lerni. Mi ĉiam havis problemojn pri lingvoj, sed en Esperanto mi povas multe pli facile progresi. Kaj ĉu vi?
– En la lernejo ni ne havas eblecon elekti Esperanton. Sola mi lernas ĝin hejme. Amikino donis al mi la elektronikan adreson de interreta kurso. Tie mi povas uzi ankaŭ ret-vortaron, konsulti gramatikon kaj fari hejm-taskon. Kaj ĉio ĉi kostas neniom. Krome, kelk-foje mi solvas ankaŭ testojn de Edukado.net .
– Ankaŭ nia kurs-gvidanto prezentas al ni diversajn ekzercojn de tiu paĝaro. Ni tre ŝatas ilin!
– Kio estas la nomo de tiu reta lingvo-kurso, kie vi memlernas, Arika? Ĉu tio estas la programo Lernu?
– Jes! Ĉu ankaŭ vi konas ĝin, Karlo?
– Jes! Mia panjo ofte helpas en tiu programo.
– Ĉu vere? Do, ankaŭ via panjo regas Esperanton. Verŝajne pro tio vi parolas tiel bone!
– Hejme niaj gepatroj ofte babilas inter si en Esperanto, kaj ankaŭ kun mi. Sed kiam panjo koleras pro io, tiam ŝi riproĉas al mi tamen ne esperant-lingve...

*Kie vi eklernis Esperanton? Kiel vi konatiĝis kun ĝi, de kiu vi aŭdis pri la lingvo? Ĉu Esperanto estas via unua fremda lingvo, kaj se ne, kiujn aliajn lingvojn vi jam eklernis?*
*Demandu viajn esperantlingvajn konatojn, kie ili eklernis Esperanton, kaj preparu raporton pri via esplorado!*

## II. Kie kaj kiel vi povas babili?

– Komence mi hezitis, ne sciis, kiel aŭskulti kaj paroli en Esperanto... Poste Karlo proponis al mi elŝuti komputilan programon „Dua Vivo"... kie mi povas renkontiĝi kaj babiladi kun multaj, divers-naciaj esperantistoj.
– Do, tio ŝajnas bonega ebleco! Kiel aliĝi al tiu programo?
– Vi povas trovi ĉion pri ĝi en la paĝaro de Edukado.net . Serĉu nur la titolon de Dua Vivo en la menuo.
– Paĉjo ŝategas foti, kaj kiam li malkovris la ret-paĝon *ipernity*, li infektiĝis per ĝi kaj fariĝis maniulo pri fotado, diskutado pri fotoj... Ankaŭ tie eblas ret-babili kun konatoj.

– En Dua Vivo la diskuto estas, laŭ mi, eĉ pli interesa. Vin anstataŭigas rolfiguro, kiu virtuale renkontiĝas kun alies rolfiguroj – kiel en la reala vivo. Krome, ofte okazas diskut-rondoj, eĉ virtualaj lingvokursoj kaj por komencantoj kaj por progresantoj. Do, mi nun alkuros hejmen, ĉar ĉi-vespere estos interesa prelego en Dua Vivo, kaj mi ne volas maltrafi ĝin.

*Ĉu vi jam ekparolis esperantlingve? En kiu medio vi povas uzi Esperanton? Elektu por vi interesan temon, kolektu vortojn – kaj klopodu laŭte paroli pri via temo, almenaŭ dum tri minutoj! Poste vi povas pliigi la tempon, eĉ, surbendigi vian voĉon, kaj poste aŭskulti ĝin. Skribu al ni pri viaj spertoj!*

## Kion kie trovi:

Paĝaro „**Edukado**": senpage akireblaj diversaj taskoj, ekzercoj, esperantlingvaj informoj pri la programo „**Dua Vivo**": ***http://edukado.net***




Programo „**Lernu**": plurlingva, senpaga ret-programo por eklerni Esperanton: ***http://eo.lernu.net***







Paĝaro „**Ipernity**": (ankaŭ) esperantlingva senpaga programo, por prezenti proprajn kaj rigardi alies fotojn, muzikpecojn, filmetojn, interŝanĝi opiniojn, spertojn, pensojn, trovi amikojn, korespondadi kaj retbabili: ***http://www.ipernity.com/hom***

Programo „**Dua Vivo**": senpaga, informoj kaj alŝuteblo troveblas ĉe: ***http://duavivo.inf.hu*** (aliĝo: *http://secondlife.com/*)



*babili:* interparoli pri ne gravaj aferoj / *infekti:* senintence transigi malsanon / *konsulti:* sin turni al iu, io por ricevi fidindajn informojn pri io / *manio:* fortega nenormala konstanta inklino al io / *menuo:* listo pri enhavo / *prelego:* kleriga parolado pri iu temo / *testo:* solvenda tasko, per kiu oni kontrolas la kvaliton de iu, io / *virtuala:* fizike nereala

# LINGVA DOKTORO

## Pri la propraj nomoj II.

La familiaj nomoj konservas sian naci-lingvan formon (estas utile doni en krampoj la akcepteblan fonetikan transskribon!). Kelkaj familiaj nomoj, tiuj de mond-vaste konataj personoj havas Esperantigitan formon, ekz.: *Moliero, Ŝekspiro, Kolumbo, Darvino* k.a. La familia nomo ne troviĝu antaŭ la propra nomo (eĉ se tio estas la vicordo en la nacia lingvo), ĉar estas tre malagrable ne scii, kiu nomo estas la propra kaj familia. Tio ofte povas konduki al senintenca malĝentileco. Nomojn oni listigas laŭ alfabeta ordo de la familiaj nomoj. Ĉi-kaze oni metas komon post la familia nomo por atentigi pri ŝanĝo de la vortordo, ekz. *Nadikova, Elena – Spaggiari, Tullia.*

El la geografiaj nomoj plej kaprica montriĝas la land-nomoj. Ili havas laŭ la Unua Libro la sufikson *-uj*: *Rusujo, Portugalujo, Hindujo*..., tamen ekzistas radikvortoj, kiuj indikas landojn, ekz-e: *Brazilo, Benino, Kongo, Tibeto, Kanado, Urugvajo, Kubo* ktp., al kiuj aldoni la sufikson estas superflue.

Aliaj landoj formas sian nomon per vort-kunmeto, nome per *-lando* kiel ekz-e: *Togolando, Svislando, Fin(n)lando, Nederlando* kaj kelkaj aliaj. Krome, certe laŭ la 16a regulo de la Esperanta gramatiko disvastiĝis internacie uzataj formoj: *Italio, Japanio, Ĉilio, Vjetnamio,* kaj multaj aliaj. El tio sekvas, ke hodiaŭ oni apenaŭ uzas la sufikson *-uj* anstataŭ *-i-*: *Danio / Danujo, Norvegio / Norvegujo*, des pli, ke *-uj* havas ankoraŭ du aliajn sencojn: vidu: *rubujo, supujo*...kaj *ĉerizujo, tomatujo*.... Nuntempe landnomoj kun sufikso *-uj* aspektas iom arkaike, mi ne rekomendas ilian uzon.

El loĝ-lokoj havas Esperantigitan formon nur la ĉefurboj (ne ĉiuj): *Parizo, Tokio, Varsovio, Hanojo,* ktp. kaj krome, plejparte tiuj urboj, en kiuj ni havis universalajn kongresojn kiel ekzemple: *Bulonjo, Jokohamo, Adelajdo, Tampereo*... . La ceterajn oni skribas en nacia lingvo (se ĝi uzas latinajn literojn) aŭ transliterumas Esperante.

La nomoj de oceanoj, maroj, grandaj riveroj, lagoj, regionoj havas Esperantajn formojn: *Hinda oceano, Nigra maro, Danubo, Siberio, Himalajo* k.a.

Fine, kelkajn vortojn ankaŭ pri titoloj de art-verkoj, nomoj de institutoj, organizaĵoj. Plej ofte nur la komenca litero de la titolo estas skribita per majusklo kiel ekzemple: *Esperanto en perspektivo, Preĝo sub la verda standardo,* ktp. Alia skribmaniero: skribi ĉiujn vortojn per komenca majusklo (escepte de „la", prepozicioj, konjunkcioj kaj subjunkcioj), ekzemple: *Juna Amiko, Universala Esperanto-Asocio, Tutmonda Esperantista Junulara Organizo,* k.a.

# Kontrolu vian lingvoscion!

Familioj X kaj Y estas najbaroj. La familio **X** konsistas el gepatroj kaj gefiloj (**Adamo, Tereza**), la familio **Y** – el gepatroj kaj du filoj (**Paŭlo, Ivano**). Stefano, amiko de ambaŭ familioj rakontas pri ili.

# Testo

Uzu personajn kaj posedajn pronomojn en tria persono. Atentu precipe pri la ĝusta uzo de *si* kaj *sia*

Mi invitis Adamon kaj ___ (1) amikon, Paŭlon al komuna ekskurso per biciklo. Sed Paŭlo ne volis veni sen ___ (2) frato. Adamo malĝojis, ĉar ___ (3) biciklo estis difektita, falis la maldekstra pedalo. Feliĉe, Ivano, sperta pri muntado, povis ripari ___ (4) biciklon. Per tio ___ (5) akiris rajton kunveturi.

Tereza enviis pri ___ (6) frato kaj ___ (7) amikoj, Paŭlo kaj Ivano.

Sed kiu zorgos pri la hundo de Adamo? ___ (8) gepatroj, kompreneble. ___ (9) ricevos de ___ (10) manĝaĵon kaj Tereza ĉiu-tage promenigos ___ (11) kaj ___ (12) amikinon, la najbaran hundinon.

La ekskursontoj aĉetis por ___ (13) mapon de la regiono, en kiu ___ (14) ekskursos. ___ (15) dividis inter ___ (16) la taskojn, el kiuj ĉiu prenis ion sur ___ (17).

Antaŭ ol ekveturi Tereza petis ___ (18) ofte sendi al ___ (19) telemesaĝeton. Rekompence ankaŭ ___ (20) informos ___ (21) pri ĉio okazonta hejme.

*Solvoj sur paĝo 39*

## Tutmonda Esperantista Junulara Organizo

TEJO estas la junulara sekcio de UEA (Universala Esperanto-Asocio). Ĝia retadreso: *www.tejo.org*. La 5-membra **estraro** konsistas el la sekvaj personoj:

**Prezidanto**: *Gregor HINKER*, Aŭstrio
**Ĝenerala sekretario**: *Anna-Laura H. WICKSTRÖM*, Svislando
*Vildana DELALIĆ*, Bosnio; *Sergej TYRIN*, Israelo; *Rogener PAVINSKI*, Brazilo

**TEJO Tutmonde** estas dumonata oficiala gazeto de TEJO. Redaktoro: *Marcos CRAMER* (Germanio).

# Juna Amiko
## prezentita en ĵurnalista konferenco

Nia eta gazeto trovis bonan lokon inter multaj aliaj revuoj kaj redaktoroj en la unua *Tutmonda Kongreso de Esperantistoj-Ĵurnalistoj*. Tio okazis fine de majo en la litova ĉefurbo, Vilno kaj estis organizita de *Litova Esperanto-Asocio* kaj la nacia ĵurnalista asocio de Litovio.

La subskribanta redaktoro de *Juna Amiko* faris du prezentaĵojn – la unuan pri temo multe diskutata tra la semajno: kiel presita revuo vivu en mondo kie multaj homoj – kaj precipe vi, junuloj – prenas informojn kaj amuzon el la reto. Ĉu ni devas eldoni retajn revuojn? Kion prezentu ret-paĝoj de presitaj revuoj? Nu, vi povas viziti nian <**www.lernu.net**> kaj mem diri al ni kion aperigi tie! La dua prezentaĵo estis pli strikte pri la revuo *Juna Amiko* kaj estis prezentita per lum-bildoj, kiuj estas haveblaj tra <lernu.net>. Tiuj elpaŝoj okazis en tago, kiam la publiko dividiĝis en tri sesiojn; la unua prezentaĵo altiris ĉ. 35 aŭskultantojn (vidu la suban foton), la dua malpli. La aranĝo ankaŭ permesis al la redaktoro renkonti seson de niaj perantoj kaj tiel fortigi la abonadon.

La konferencanoj spertis eksterordinare bonajn faciligojn, kun salonoj en la urbodomo de Vilno kaj la ŝtata parlamentejo. En tri vesperoj akceptis la konferencon la urbestro de Vilno, la ĉef-ministro de Litovio kaj la prezidanto de la litova parlamento (vidu la bildeton supre dekstre). Por informoj pri la aranĝo vizitu la retejon de LEA ***<http://www.esperanto.lt>.***

La partoprenantaro (180 personoj el 37 landoj) kaj la prelegantoj estis elektitaj por doni altan nivelon de prezentado kaj diskutoj. En kelkaj sesioj ni parolis pri la administraj kaj financaj flankoj de eldonado, en aliaj pri la enhavo de revuoj, en aliaj pri la etiko de ĵurnalismo kaj rilataj temoj. La programon gvidis *d-ro Humphrey Tonkin* el Usono, tiel ke je la foriro ni havis ne nur restarigitan ĵurnalistan asocion (**TEĴA**), sed ankaŭ dekses-punktan agad-planon. Por pli da informoj pri tiu asocio, vidu la ret-paĝon ***<http://www.liberafolio.org/2008 /jhurnalistakongreso>***.

La supra foto estas prenita el la ĉiu-taga kongresa bulteno *La Fera Lupo*. Vi vidas kongresanojn en la konstitucia salono de la litova parlamento; supre dekstre salutas la kongreson la prezidanto de la parlamento, *s-ro Česlovas Juršėnas*, kiu mem pli frue estis ĵurnalisto.

*Stefan MacGill*

*agad-plano:* listo de farendaĵoj / *elpaŝo:* prezentaĵo, publikigo / *etiko:* moralo, justa konduto / *faciligoj:* kondiĉoj, helpiloj / *salono:* ĉambrego / *sesio:* grupo de programoj



Foto supre: En la litova parlamentejo (La Fera Lupo)

Foto sube: Kunveno en la urbo-domo (Stefan MacGill)



Tutmonda Kongreso de Esperantistoj-Ĵurnalistoj
2008
VILNIUS



**Manlaboraĵoj el ekspozicio de plej junaj lernejanoj, Francio**

*Foto de Saliko, Finnlando*